# REGo

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo* **№ 5 (96) oktobro 2016**






**Moskvo, 2016**

# enhavo







## REGo

**(Rusia Esperanto-Gazeto)**

*№ 5 (96) oktobro 2016*

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Georgij Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio

*retadreso:* gazeto@mail.ru

***abontarifoj por 2017:***

*por loĝantoj de Rusio – 850 rubloj, sendendaj al:*
Кoколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo “Яндекс.Деньги”

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

***elektronika abono** – 400 rub. (10 eŭr.)*

# ESPERANTO-SOMERO? KIAL NE?!

Jes, la tuta somero! Tio eblas, vere eblas. Ĉar la vasta Esperantujo, eĉ se oni traktu nur ĝian eŭropan parton, funkcias senĉese, translokiĝante en la tempo de loko al loko. Ankoraŭ en la fino de 2015, foliumante-okulumante la kalendaron de Esperanto-renkontiĝoj por la sekvanta jaro, mi certiĝis pri tio. Poste komencis venadi invitoj de la organizantoj, kaj en februaro 2016 mia persona kalendaro por la somero estis finformita, ĉe bedaŭrinda malebleco kontentigi ĉiujn invitantojn. Nun, atinginte la somerfinon, mi kurte resumu la vojaĝojn efektivigitajn.

**Komenco. Kievo**

La 2-an de junio "Belavia" venigas min al Borispil. Rusiaj flugkompanioj ĉi tien – ve! – nun ne venas. Junulo-kontrolisto foliumas mian pasporton de malantaŭe kaj demandas: – Ĉu vi neniam vizitis Ukrainion? – Mi naskiĝis ĉi tie… – kun ofendo mi respondas. Li malfermas la unuan paĝon kaj kapjesas. Sekvas demando: – Sed ĉu poste vi neniam vizitis Ukrainion? – Antaŭe vi neniam postulis mian pasporton, – mi respondas. La knabo kapjesas kompreneme kaj ridetas: – Do, bonan revenon al la patrolando!

Mia preleg-koncerto, aranĝita per klopodoj de Mikaelo Lineckij en la parlamenta biblioteko, kunvenigas aron de interesiĝantoj. – En kiu lingvo vi parolos? – demandas la bibliotekestrino. – Egalas por mi, – mi respondas, – eblas la ukraina, rusa, Esperanto… – Estu la rusa, – ŝi konkludas.

Vespere, ĉe konjakumado en la gastama domo de la antikva amiko, pastro Serhij, la dommastrino diras: – Se vi ne volas, ne respondu, sed mi petas… Ĉu vere la rusoj nun traktas ĉiujn ukrainojn la plej ferocaj malamikoj? – Tiukaze mi ne sidus ĉi tie, – mi respondas.

**La hispana kapriĉo**

Dek tagojn mi havas por partopreni la tradician elurbiĝon de tiĥvinaj esperantistoj kaj por reordigi la valizon. Poste la avio venigas min en la madridan flughavenon Barajas. Nur unu vespero en Madrido. Varmego kaj geja demonstracio ĉe la ĉielarka flagego, kovranta centron de la urbodomo de la tegmento ĝis la enirpordo. Iom konsolas fotado kun Ana ĉe la monumento de Lorca. Ankaŭ posta babilado en la gastama hejmo de Ana kaj Manolo.



Sekvatage post kvarhora vojaĝo por partopreni la Hispanan E-Kongreson mi venas al... Siberio. Ĝuste tiel oni nomas Ekstremaduron, verŝajne, pro certa diferenco de la temperaturoj: tage – plus kvardek, nokte – nur 25. Nu, tamen ankaŭ rusaj siberianoj ĉeestas – Katja kaj Lena. Ili rakontos al la publiko (plejparte hispana) pri vera Siberio.

Mirindaĵoj multas en tiu ĉarma urbeto Herrera del Duque! Por la kekmila loĝantaro – ege impona kulturcentro kun perfekte komforta interna klimato. Tie do okazas ĉiuj kongresaj aranĝoj. Bonega simfonia orkestro, ĉ. 50 muzikistoj, plejparte – gelernantoj, ravas la kongresanojn per la hispana muziko. Ĉarmaj stratoj kun fieraj palmoj. Aro da restoracioj kaj kafejoj, invitanta al postmeznokta bierumado. Ruĝa tabla vino ĉiutage kaj por ĉiuj tri manĝoj...

Eĉ pli imponas la kongresa programo. En neniu alia loko mi povus renkonti kune preskaŭ ĉiujn verkistojn de la Ibera skolo, sed jen ili sidas sursceneje, prezentas siajn novajn librojn kaj planojn, respondas demandojn, kaj ĉio ĉi estas interesa, plaĉa, senorgojla. Abundas interesaj prelegoj, ankaŭ la miaj trovas ne malmultajn aŭskultantojn. Altan arton prezentas la mastroj-hispanoj en siaj koncertoj, sed ja krom ili – nova teatraĵo de Georgo kaj Saŝa, koncertoj de JoMo, de Ĵomart kaj Nataŝa, ankaŭ la mia kun amkantoj el diversaj epokoj de mia vivo. Ĝin mi devas okazigi meze de la ekskurso al pompa monaĥejo en Guadalupe. Ŝvitiga afero, sed poste – ĝuinda naĝado en belega lago inter montoj.



Antaŭ nia postnoktomeza forveturo la montojn dense kovras nubegoj. Ni startas al Madrido per aŭto, stirata de JoMo. Fulmoj saltas ĉiuflanke, ekas pluvego. – Ne timu, – trankviligas JoMo, – mi estas instruktoro pri stirado… – Bac! – sen bremsi li trafas “kuŝantan policiston”. Ni ridas.

**Labas vakaras, Lietuva!**

En kompanio de JoMo, Ĵomart kaj Nataŝa post la nokta veturado, ekstersupoze longa flugo kaj busumado mi venas al Birŝtonas ĉe vesperiĝo. Gaja estis la kompanio, sed la maldormado preskaŭ kvardekhora jam estas sentebla. Tamen Povilas, alirinta la buseton, post salutoj alparolas min: – Vidu, Georgo kaj Saŝa devus spektakli ĉi-vespere, sed ilia aŭto ankoraŭ es-

tas ĉe la landlimo. Via koncerto estas planita por morgaŭ, sed endas fari hodiaŭ. – Mi ne dormis dum tagnokto kaj duono… – diras mi… – kaj ne manĝis… – Do, – Povilas respondas mediteme. – Vi havas unu horon. Sufiĉas por manĝi. Sed dormu vi post la koncerto.

Ĉu al Povilas mi povas rifuzi? Bonŝance ĉeestas Sergeo, li konsentas duagitare akompani mian kantadon. La kantojn, kiujn mi prezentas, li neniam aŭdis, sed ne gravas – li kapablas tuj kapti…

Tiel ekas por mi la admirinda BET. Kie eĉ la ĉiutagaj pluvoj estas bonvenaj kaj karaj post la ekstremadura varmego. Kie ĉiu biervespero en amika kompanio portas antaŭĝuon de la nova tago kun brile interesa programo. Kie la tagoj flugas bele kaj rapide, samkiel la balonoj super Birŝtonas – tiu balonfestivalo bonŝance okazas ĉiutage, samtempe kun BET kaj estas vere spektinda.

Tute hazarde mia dua koncerto estas enprogramigita por la vespero de mia naskiĝtago… Ĉu mi iru sola sur la scenejon? Ne-e, mi ne volas! La ĉeestantaj artistoj konsentas partopreni, tiel okazas vera benefico kun kantoj de Stano, Saŝa, Georgo, Nataŝa kaj Ĵomart, la kievanoj… kaj eĉ kun fascina danco de Alisa kaj Ivars. Poste – kelkdekpersona festo kun "tamadado" de Aĥman – ho, li spertas por tiu rolo! La homoj postulas ripeti la kanton "Bonan vesperon, Litovio!"; sekvatage jam la tuta BET petas la vortojn. Mi prezentu ilin ĉi tie, havu almenaŭ legantoj de REGo:

***Al Litovio***

Dormas logaj lagoj en sin' arbara,
karesata de fringa kant'.
Jen la spaco paca, la tero kara
por ripozo de la vagant'.

Amikino mia kaj amatino –
mi ripetas al vi sen vant',
havis mi feliĉon en via sino –
Labas vakaras, Lietuva!

Mi flavbeka ĉe la unua veno
kaptis sencon de via ĉarm',
Kaj en koro mia lokiĝis
beno –
milda ero de l' tera varm'.

La vagado daŭras dum
kruroj fortas,



sed post mia dumviva vag'
la ripozo paca kun vi komfortas –
Labas vakaras, Lietuva!



Dentorad' horloĝa protestas grince –
en la junon ne eblas ven',
sed memoro mia plu montras vin, se
gardas vin mi ĉe mia en'.

Impetigas min la taŭzita spiro,
kaj denove kun juna vant'
vortojn simplajn kantas mi kun admiro:
Labas vakaras, Lietuva!

**Nitro – por mi tro…**

Mi ne sukcesis eĉ ekkonscii la fulmajn tagojn, kiujn mi pasigis en la 101-a UK. Kvin programerojn mi devis prezenti ene de nur tri tagoj: tri prelegojn, kvizon kaj dubardan koncerton kun Georgo. Plus la aŭtoran duonhoron. Do restis en la memoro, krom ĉio-ĉi: a) porfesta kostumo kun kravato, kiun mi portaĉis ekskluzive por duonminuta salutparolo dum la Solena Malfermo; b) luksa Nacia vespero en la centra placo de la urbeto; c) la sola vizitita prelego, tiu de Humphrey pri interrilatoj de UEA kaj UN; ĉ) du boteloj da nigra vino, fortrinkitaj kun Georgo dum la nokta provludo de nia koncerto. Aĥ, jes – ankaŭ starado en la varmego kun Anna kaj Dima ĉe la Impeto-tablo dum la Movada Foiro. Aliajn rusianojn mi ne rimarkis en la Kongreso – ĉu tamen estis?




**Grezijon' kaj Pluezek'**

Sendube estis serioza defio por mi la propono instrui por C-kursanoj. Sed oni proponis, kaj mi akceptis la defion. Unue, ĉar tio estis interesa por mi, kaj, due, ĉar mi neniam estis tie – nek en la fama Esperanto-kastelo Grezijono, nek en la bretona Pluezeko. Dum kelkaj monatoj mi pripensadis strategion de mia instruado kaj decidis preni kiel bazon mian fabelon "Pri Dinjo, Diko kaj aliaj estaĵoj". Plus kelkajn kantojn. Sed timo kaj necerteco daŭre turmentis…



Do post semajna ĝardenumado – ek al Francio. Al la du partoj de Esperantujo – nekonataj, tute diversaj kaj senkonteste ĉarmaj. Mi iru la vojon de komparoj.

La kastelo situas centre de la lando – kun varmegaj tagoj kaj milde malvarmaj noktoj. La vilaĝo Pluezeko – apud la maro, do oni avertis min pri kunprenenda pluvombrelo.

La staĝo "Someras" en la kastelo pasas familiece kun iom pli ol kvardek diverslandaj partoprenantoj, inter ili du homoj karaj por mi – Nataŝa kaj Ĵomart. La staĝo en Pluezeko kun samtempa Kelta E-kongreso kunvenigis pli ol cent kvindek geesperantistojn. Ambaŭ aranĝoj ne havas esencajn diferencojn en la taga programo: kursoj diversnivelaj ĝis tagmanĝo, ekskursoj kaj atelieroj – inter tag- kaj vespermanĝo, distraj programeroj – vespere.

Bonas ke la instruistoj ne estas francoj. En Grezijono la nivelon A prizorgas gaja polo Przemek, la nivelon B – viglega brito Tim, la nivelon C – mi. En Pluezeko – du C-grupoj, sed sufiĉas gelernantoj kaj por mi, kaj por mia simpatia konkurento, turko Murat.

Dek unu gelernantojn kun ege bona lingva nivelo mi havas en Grezijono. Pro tio dum la semajno ni sukcesas kun rido, komentoj kaj diskutado konkeri duonon de la libreto kaj, krom tio, ellerni kelkajn kantojn kaj prepari teatraĵon – tion ĉi ni triumfe prezentas al ĉiuj dum la lasta vepero.

Dudek unu – en Pluezeko. La lingvoscio de multaj lamas. Krome evidentiĝas, ke por tiu kurso mi ne plu havas la libretojn. Tamen, post urĝa restrukturigo de la antaŭpreparita programo ni trovas bonan interkomprenon, kaj la kurso pasas ne malpli gaje, vigle kaj fruktodone ol en Grezijono. Esence riĉigas la kurson partopreno de la plej aĝa kursanino Gabi. Ĉe sia 96-jara aĝo ŝi tute sukcese laboras dum la lecionoj; ŝia vivprezento daŭras trioble pli longe ol la ceteraj, sed neniu plendas, ĉar estas ja vere interesa la Esperanto-vivo ok jardekojn longa!



En Grezijono mi havas post-tagmezajn prele-

gojn, do la atelieroj kaj la ekskursoj restas flanke. En Pluezeko miaj posttagmezoj estas liberaj – eblas partopreni en la ekskursoj al la pitoreskaĵoj de Bretonio. Eĉ naĝi en la maro, kion la francoj evitas – la akvo 17-grada laŭ ili ne estas taŭga por naĝado…

La vesperoj en ambaŭ lokoj havas siaspecan ĉarmon. Koncertoj, teatraĵoj, dancoj. Ununura diferenco: en Grezijono post la oficiala programo funkcias ĝispostnoktomeza trinkejo-ludejo-dancejo, en Pluezeko – ne.

Ŝajnas, ke la informoj sufiĉas por elekti konvenan staĝon, sed…

**Sed,**

se oni volas simple ĝui la someron en Esperantujo, tio postulas monon. Konsiderante la nunan kurzon de eŭro, mi diru, ke ne malmultan. Certe, al ĉiu ajn turista firmao por la sama (sed multe malpli interesa) vojaĝo oni devus pagi pli, sed, tutegale, la sumo estas sentebla por ordinara poŝo.

Ĉu eblas redukti la vojaĝkostojn? Jes, mi povas prezenti kelkajn konsilojn el mia propra sperto. Unue, se vi havas kontakton kun ĝemelurbaj esperantistoj, petu ilin pri invitletero de tiea urbodomo. Per tiu vi ricevos la vizon senpage. Due, aĉetu la flugbiletojn laŭeble pli frue; aĉetante en februaro por julio, mi ŝparis pli ol trionon de la normala biletprezo. Kaj trie, se vi prezentos al la organizantoj proponojn pri viaj programeroj, kaj se viaj proponoj estos akceptitaj, vi ricevos ioman rekompencon. Tamen tio postulas laboron. Kaj la preparan (mi elspezis por tio preskaŭ ĉiujn vesperojn de la printempaj monatoj), kaj la surlokan – do pri la plentempa ripozo kaj distro ne temas. Se la laboro per si mem ne estas distraĵo por vi.



***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## RENKONTIĜO DE AMIKOJ – 11

Kiel unu momento traflugis miaj ferioj, kaj mi denove revenis al la ĉiutaga vivo. Tamen dum somera ripozo mi sukcesis dum kelkaj tagoj partopreni en RA-11 kaj volas rakonti pri ĝi.

Vi certe scias, ke RA (Renkontiĝo de Amikoj) estas tradicia somera aranĝo, kiun organizas Katerina Arbekova kaj membroj de Novosibirska Esperanto-klubo. Plejparte RA estas turisma aranĝo, sed ne nur, kaj havas ankaŭ ne tre streĉan Esperanto-programon: konversaciajn rondojn por ko-

mencantoj kaj progresantoj, distran, sportan kaj ludan programojn. Multaj el RA okazis en tre belaj naturaj lokoj, ĉe la fama lago Bajkal, apud la maro en Krimeo, en montara altaja regiono k.t.p. Mi mem partoprenis en du el tiuj, kiuj pasis apud Bajkal, kaj estis impresita de la bela naturo, en kiu ni vivis kaj ripozis. Sed ĉi-foje kiel loko de la aranĝo estis elektita Kazanj – la ĉefurbo de la tatara respubliko, granda urbo, pri kiu mi aŭdis multajn laŭdajn vortojn de ties vizitintoj kaj tial volis iam vidi ĝin.

La antaŭtagmanĝa duono de la tagoj estis disponigita por riĉa ekskursa programo tra la urbo kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj, do preskaŭ ĉiutage ni povis ien ekskursi. Krom kelkhora busa interesa ekskurso tra la historia Kazanj kun profesia ruslingva ĉiĉeronino, ni ankaŭ povis plezure piedekskursi tra la urbocentro en la kompanio de afablaj kazanaj esperantistoj Dmitrij Koŝelev kaj Ildar Kijamov, kiuj akompanis nin dum sia ripoztago kaj rakontis pri la urbo en Esperanto. En tiu tago nia grupo eĉ ne tagmanĝis en la bazeja manĝejo, sed gustumis bongustajn naciajn tatarajn pladojn en la agrabla kafejo “Domo de Teo”. Ekskurson al la urbo Svijaĵsk sur insulo mi ne partoprenis, sed partoprenis duhoran vesperan ŝipekskurson laŭ Volgo kaj vere ĝuis ĝian trankvilan, romantikan etoson, belajn pejzaĝojn kaj sunsubiron.

Post la tagmanĝo ĉiutage okazis “KoRoj” (Konversacioj Rondoj), kiujn gvidis: por komencantoj – Konstantin Obrazcov kaj por progresantoj (al kiuj mi mem kelkfoje aliĝis) – Irina Gonĉarova. Semajnfine, por unu diurno, la aranĝon vizitis ĉeboksaranoj, kiuj venis per propraj aŭtoj, kaj ni ĉiuj tre ĝojis renkontiĝi kun ili. Aleksandr Blinov sukcese kontribuis por la programo de RA-11, preleginte pri la temo “Kiel lerni lingvojn”. Mi mem preparis por la programo du prezentaĵojn, sed realigis nur unu el ili, pri la 101-a UK en Slovakio, kiu samtempe okazis en la kongresa urbo Nitra, krome mi montris ankaŭ videon pri la centro de Peter Baláž en Partizanske kaj ĝiaj aktivaj junuloj-volontuloj. En unu el la tagoj okazis diversaj metiejoj, kiujn lerte gvidis novosibirskaninoj, kaj ĉiuj ceteraj elektis laŭplaĉe, kiun el ili partopreni.



Ĉiuvespere okazis gajaj distraj programeroj, konkursoj, ludoj. Al mi aparte plaĉis poezia kaj

teatra vesperoj, ambaŭ sub la gvido de Irina Gonĉarova, kiu ne nur elektis kaj preparis bezonatajn materialojn kaj tekstojn, sed sukcesis inspiri kaj altiri multajn RA-anojn partopreni tiujn du vesperojn. Interese pasis ankaŭ kvizo pri delfenoj kaj balenoj, preparita de Katerina Arbekova kaj okazigita la 26-an de julio, en la internacia tago de delfenoj.

Mi dankas RA-11 pro tio, ke ĝi donacis al mi agrablajn renkontiĝojn kun multaj miaj malnovaj amikoj-esperantistoj: Irina Gonĉarova el Odincovo kaj Maksim Ĵitĉenko el Moskvo, Tatjana kaj Aleksandr Belov el Tiĥvin, Julija kaj Aleksandr Blinov kaj Jelena Nadikova el Ĉeboksari, Roman Jefremov kun la filino Sonja el Glazov, la familio de Koĉjo Obrazcov el Tomsk; Katerina Arbekova kun la filino Daŝa kaj Irina Ĵuravljova el Novosibirsk, Elvira Insapova el Neftejugansk, Nadeĵda Borisova kaj la familio de Paŝa Veselov el Tjumenj!

Mi tre ĝojis konatiĝi dum RA-11 kun juna, dekunujara moskva esperantisto Pjotr Fedosov (kromnomo Aspiranto), kiu vere impresis min per sia saĝo, juna energio, brila posedo de Esperanto, aktivado dum la aranĝo! Mia esperantista koro restas trankvila kaj kontenta dum en Esperantujo aperadas tiaj knaboj, kiuj memstare lernas la lingvon kaj scipovas libere paroli ĝin!

Kaj certe mi dankas RA-11 por la ebleco de konatiĝo kun la ĉefurbo de Tatario, alloga urbo Kazanj!

***Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg)***

## KRIMEAJ ESPERANTO-TAGOJ

La 12-an – 20-an de julio en Jalto sukcese pasis KET (Krimeaj Esperanto-tagoj), kiun partoprenis 37 rusiaj esperantistoj kaj kelkaj samideanoj el Kanado, Germanio, Belgio. Meza aĝo de la partoprenantoj estis 50 jaroj.

En la programo, krom ekskursoj, okazis koncertoj de Pavel Moĵajev (Simferopolo), Mikaelo Povorin (Moskvo), Aleksandr Ĥrustaljov (Dimitrovgrad), poezia vespero de Ludmila Novikova (Moskvo). Okazis ankaŭ renkontiĝo kun jalta barda klubo, kiu aperis en 1987 kiel ido de jalta E-klubo “Tero”. En la komuna koncerto krom la kantistoj, al kiuj aliĝis ankaŭ Evelina Sokolova (Krasnojarsk), estis prezentitaj teatraj miniaturoj, preparitaj de la partoprenantoj dum la renkontiĝo.



Tatjana Loskutova el Ivanovo prelegis ruslingve pri la temo“50 jaroj de vojaĝado tra landoj kaj kontinentoj kun

helpo de Esperanto” en “Klubo de liberaj vojaĝoj nome de N.A.Borovko”, organizita antaŭ duonjaro de la jalta E-klubo “Tero” ĉe la jalta urba biblioteko, kies fondinto kaj unua direktoro estis fama esperanta pioniro Nikolao Borovko.

En Somera universitato prelegis Jefim Zajdman (Lingvaj festivaloj kaj konkuroj de duoblaj tradukoj), Rustam Karapetjan el Krasnojarsk (Kiel verki fabelojn), Aleksej Nistratov el Moskvo (Vojaĝo al Solovecaj insuloj), Jed Meltzer el Toronto (Lingva situacio en Kebekio). Estis interesa ankaŭ kvizo pri Krasnojarsko kaj Siberio fare de la geedzoj Evelina kaj Rustam. Okazis Rondaj tabloj: “Monda situacio” (Erik Rademacher el Germanio) kaj “Strategio de E-movado en Rusio” (Mikaelo Ĉertilov el Moskvo).

Vladimir Minin el Tomsko organizis Konkurson de tradukistoj, kies gajnintoj estis Mikaelo Povorin kaj novaj moskvaj esperantistoj Aleksej Nistratov, Aleksandr Lebedev. Boris Zozulja el Rostov-Don mirigis per abunda verkaro, la librojn li donacis al jalta E-klubo kaj jalta biblioteko. Ĉiuvespere funkciis butiko, oni ĝis noktomezo ne disiris, ludante surtablajn ludojn kaj trompludon (ruse “naduvaloĉka”) kaj kantante.

Multajn fotojn pri la aranĝo eblas rigardi ĉe la adreso <https://vk.com/club101039783>. Al la organiza teamo multe helpis Prezidanto de REU Svetlana Smetanina.

***gvidanto de Krimea E-Centro Jefim Zajdman (Jalto)***

---

# Irina Sedova *(23.11.1964 – 04.10.1996)*

Post 20 jaroj ni rememoras pri Irina – membro de Sankt-Peterburga klubo “Espero”, estrarano de junulara klubo “Blankaj noktoj”, Delegito de UEA. Multaj esperantistoj vizitis Sankt-Peterburgon kaj ĝiajn ĉirkaŭaĵojn akompane de Irina.

***Valeria Cvetkova,***
***Svetlana Ejst (Sankt-Peterburg)***



**REMEMORO**

Pri la kunuloj karaj, kies vivoflu'
Por ni la mondon igis hele brili,
Ne diru kun sopir’: “ne plu”,
Sed kun dankemo: “estis ili”.

*V.A.Ĵukovskij (trad. de V.Melnikov)*

# BULTENO de REU

**№ 86, Oktobro 2016**


---

**Alvoko al la kluboj kaj individuoj**
**Karaj ĉiuj, ankoraŭ ne malfruas pagi viajn tre modestajn kotizojn al REU.**

*Via Estraro*

---

***Eventoj***

## Krimeaj Esperanto-Tagoj aŭ Krimeo – Edena Tero

Mi kiel partopreninto de la somera Esperanta tendaro en Jalto volus prezenti ĝin per okuloj de novulo. Des pli mi longe revis viziti Krimeon, kaj Esperanto helpis min realigi mian revon.




1. <u>Ideo</u>

La iniciatinto de la tendaro estis teamo de la Jalta Esperanta Centro kun ĝia ĉefo Jefim Semjonoviĉ Zajdman – tre bonkora, energia kaj entuziasma persono. Li havas sperton pri organizo de tiaj aranĝoj: kelkfoje li pasigis t.n. "Veluran sezonon", sed unuafoje – Krimeajn Esperanto-Tagojn ekde la 12a ĝis la 20a de julio. Partoprenintoj estis ĉirkaŭ tridek homoj el 10 urboj de Rusio (Jalto, Moskvo, Krasnojarsko, Volgogrado, Tomsko, Soĉi, Dimitrovgrad, Ivanovo, Rostov-Don, Liskovo) kaj 4 kromaj landoj (Germanio, Usono, Belgio, Kanado).

2. <u>Vojo</u>

Multaj gastoj preferis atingi la celon per aviadilo, sed mi elektis komplikan vojon: trajno + pramo + 2 busoj (t.n. unueca bileto Moskvo – Jalto). Malgraŭ longa dudiurna vojo mi ne bedaŭris, ĉar dum la veturo observis kaj fotis belaspektajn stepajn regionojn, fekundan Krasnodaran provincon, Kerĉan trafluejon, ebenaĵojn de orienta Krimeo kaj ĝian montaran sudan bordon. Dum rea vojo mi sukcesis viziti Anapon kun ĝiaj vidindaĵoj, do ekvidis multe pli, ol la "flugantoj".

3. <u>Kondiĉoj</u>

La renkontiĝo pasis en orienta, plej alta, sed fora de la maro distrikto de la urbo – Masandro (tamen la centro estis facile atingebla per busetoj). La gastoj estis loĝigitaj en miaopinie komfortaj 2-4-litaj ĉambroj de studenta komunloĝejo kontraŭ tre

modera sumo. Ĉiuj programeroj krom solenaj starto kaj fino pasis en ejo de la sama konstruaĵo. Manĝi oni povis memstare aŭ laŭ antaŭmendoj, kies pripago ekigis amuzan ĉiutagan tumulton, sed ĉiuj nek mortis pro malsato, nek maldikiĝis.
Partoprenintoj de KET rajtis veni antaŭ kelkaj tagoj, sed aliaj alvenadis dum la unua tago, do ni finatendis ĉiujn. La tendaro danke al la partoprenantoj el la rusiaj urboj kaj la eksterlandaj gastoj rezultiĝis vere internacia. Jefim Zajdman afable renkontis la partoprenantojn kaj premiis ilin per memoraĵoj kun simboloj de KET. Baldaŭ inter ni instaliĝis amikeca kaj senĝena etoso.

4. Ekskursoj

La mastroj preparis por ni ses tagajn ekskursojn al la plej vizitindaj lokoj de la Krimea suda bordo.
La unuan konatigon kun la urbo gvidis Jefim, kiu montris al ni novigitan kajon kun apudaj stratetoj. Mi kun miro eksciis, ki ĉi tie vivis pioniroj de rusia Esperanto-movado Ostrovskij (persona kuracisto de Ĉeĥov) kaj Borovko. La ĉiĉerono montris al ni sian montoturisman klubon, kiu inkludis ankaŭ lokajn esperantistojn. Ĉemara parto de Jalto plenas de ornamitaj konstruaĵoj kaj monumentoj, ligitaj kun famaj urbaj gastoj kaj loĝantoj.
Entute Jalto, situanta sur tri montetoj kaj ĉirkaŭita per monta muro, kun ties krutaj kaj kurbaj stratetoj, diversstilaj dometoj kaj abundaj kreskaĵoj havas belan aspekton. Ĝi havas longan historion: ekde fondo de loĝloko de pragrekaj navigistoj antaŭ Kristnasko ĝis ĝia transformiĝo al urbo meze de la 19-a jc., kiam ĝi iĝis populara ripozejo.
Jalto estas konata inter la aliaj sudbordaj urboj pro siaj luksaj palacoj, konstruitaj por la rusaj imperiestroj. Ni vizitis tri el ili: Livadian (loko de la fama Krimea konferenco en 1945), Masandran kaj Voroncovan. Ili distingiĝas laŭ arkitektaj stiloj kaj internaĵoj kaj havas apudajn vizitindajn parkojn kun lokaj arboj (krimeaj pinoj, platanoj, cipresoj kaj aliaj) kaj floroj.



La plej longa kaj informoplena rezultiĝis vojaĝo laŭ la Sudborda ŝoseo al Balaklavo kaj Sebastopolo – urboj de militgloro de Rusio. Tio rilatas ne nur al ilia heroa rezisto dum la Granda patrolanda milito, sed ankaŭ al kelkaj atakoj kontraŭ ili dum la rusiaj-turkiaj militoj en la 19-a jc. Verdire, tiama angla invado kontribuis transformon de ambaŭ loĝlokoj al la fortikaj urboj kaj elvokis evoluon de la rusa nigramara ŝiparo. Ni sukcesis observi nur centron de Sebastopolo: Malaĥovan monteton, Grafan kajon, Sudan havenon. Tamen la vojo tien-reen estas admirinda pro maraj kaj montaj pejzaĝoj.

Krom tiuj proponitaj ekskursoj la plej aktivaj el ni vizitis ankaŭ Baĥĉisarajon kun la apuda mezepoka "kaverna urbo" Ĉufut-Kale, Masandran vinfabrikon (kun gustumado), Nikitan botanikan ĝardenon (kun kolekto de 2000 lokaj kaj ekzotikaj kreskaĵoj). La plej impresaj por mi estis piedira leviĝo sur la montpinton Aj-Petri (1234 m!) kaj promeno laŭ la t.n. Botkina pado en montoj super Jalto. Eĉ unu tagon ni ne pasigis en la loĝejo: iuj kuris al la urbaj plaĝoj, la aliaj promenis tra la urbo. Interalie, dezirintoj havis eblon veni antaŭ KET aŭ resti post ĝi dum kelkaj tagoj.

5. Aranĝoj

Ĉiuvespere ni partoprenis en la "multaktivaj" programeroj, sen kalkuli solenan malfermon-fermon, kiujn gvidis Jefim. Mi listigas:

1) en kadroj de la Somera universitato estis prezentitaj prelegoj de Jefim Zajdman pri la Lingvaj festivaloj kaj konkursoj de duoblaj tradukoj en Jalto, pri interreta lernado de Esperanto (grupo "Kurso de Esperanto dum 8 lecionoj" en socia reto VK); rakonto de Tatjana Loskutova el Ivanovo pri alilandaj vojaĝoj por la neesperantista publiko (anoj de la klubo de liberaj vojaĝoj "N.Borovko") en la urba biblioteko; skizo pri la lingva situacio en Kebekio, prezentita de la kanada gasto el Toronto Jed Meltzer; prelego de Rustam Karapetjan el Krasnojarsko pri porinfana literaturo kaj ĝia kreado; rakonto de Aleksej Nistratov pri la vojaĝo al la Solovecaj insuloj;

2) koncertoj de Mikaelo Povorin, Paŭlo Moĵajev kaj Aleksandro Ĥrustaljov kun konataj (de ĉiuj kantataj) kaj novaj Esperantaj kantoj;

3) komuna koncerto, en kiu sin prezentis Evelina Sokolova el Krasnojarsko kaj la improvizita grupo kun la teatraĵetoj;

3) ruslingva koncerto de la membroj de la Jalta barda klubo;

4) poezia vespero, kie Ludmila Novikova kun helpo de kelkaj samideanoj prezentis siajn malnovajn kaj novajn originalajn kaj tradukitajn poemojn kaj kantojn;

5) fabeloj ĉe samovaro, rakontitaj de la gastama Anĵela Belenko;

6) konkurso pri sinsekva traduko gvide de Vladimir Minin (venkis tri moskvanoj: Mikaelo Povorin, Aleksej Nistratov kaj Aleksandr Levedev);

7) rondaj tabloj: "Monda situacio" (gvidis Eric Rademacher el Germanio) kaj "Strategio de Esperanto-movado en Rusio" (gvidis Mikaelo Ĉertilov);

8) komuna celebro de naskiĝtagoj, vortludoj ktp.

La renkontiĝo finiĝis per gaja festeno kaj teumado ĝis nokto. Ĉiuj partoprenintoj ricevis agrablajn memoraĵojn, interesitoj interŝanĝis kontaktojn. La mastro anoncis pri daŭrigo de similaj renkontiĝoj maje kaj septembre anstataŭ julio.

6. Resumoj

La Krimeaj Esperanto-tagoj rezultiĝis vere diversflanka, saturita kaj internacia aranĝo. Ĉe mi ĝi lasis aron da impresoj, scioj, malkovroj, emocioj... Mi kontentas pri mia unua Esperanta tendaro kaj esprimas koran dankegon al ĝiaj organizintoj, unuavice al Jefim Zajdman, Anĵela Belenko kaj Svetlana Smetanina!

***Aleksej Nistratov***

# *LA NOVA PONTO*

Mi ne skribu detale pri ĉiu programero de la Krimeaj Esperanto-Tagoj, kiujn mi kun granda entuziasmo partoprenis en julio ĉi-jara – oni jam sufiĉe raportis pri tio. Mi deziras nun transdoni miajn personajn impresojn pri la vojaĝo.

***Senŝanĝa Jefim***

Estis li, kiu gvidis min kaj aliajn KET-anojn tra Krimeo – ege estimata kaj amata Jefim Zajdman, motoro de nia aranĝo. Mi konas lin ekde la 1970-aj jaroj, do fakte tiom longe, kiom mi okupiĝas pri Esperanto. Komence li allogis min per sia traduko al Esperanto de la usona muzikalo "Jesuo Kristo Superstelo", kun kiu mi la unuan fojon konatiĝis ĝuste dank' al tiu brila traduko. Mi poste longe kantetadis ties belegajn melodiojn.

La duan fojon mi revidis lin en Krimeo meze de la 1980-aj jaroj, kiam mi kune kun grupo de moskvaj esperantistoj partoprenis en la fama "Velura Sezono", kiun Jefim lanĉis en 1979 kaj organizadis ĉiujare ĝis 2005. Kaj jen okazis mia nova renkontiĝo kun li. Li estis la unua, kiun mi ekvidis en Jalto, elirinte el la trolebuso. Mi tuje komprenis, ke li tute ne ŝanĝiĝis – fizike kaj spirite – malgraŭ lia estiminda aĝo. Jefim kaptis mian pezan valizon kaj vigle ekkuris kun ĝi supren laŭ deklivo de la monto direkte al la studenta komunloĝejo, kie estis dislokataj la partoprenantoj de KET. Mi ekhontinte pro la fakto, ke pro mi estas ŝarĝita malpli juna homo, penis repreni mian bagaĝon, sed senrezulte, ĉar mi ne sukcesis kuratingi lin. "Kia neelĉerpebla fontano de energio kaj forto!" – admire ekmiris mi.

Jes, li ĉiam restas tia – plenplena da ideoj, agoplanoj, fantaziaĵoj. "Vi ĉiuj sidas en viaj urboj kaj nenion faras por Esperanto! – grumblis li. – Necesas ja gvidi kursojn por komencantoj, organizadi lingvajn festivalojn kaj aliajn aranĝojn por la vasta publiko". Poste, sidante en la komunloĝejo, mi kun granda intereso aŭskultis lian rakonton pri la eventoj en Krimeo post la "majdana revolucio" en Kievo. "Ĉio, kion montradis la Moskva televido, estas vero, – asertis li. – Ni, krimeanoj, post la "majdano" estis ege timigitaj kaj indignigitaj. Komence, la parlamento de Ukrainio akceptis decidon pri malpermeso de la rusa lingvo en la lando, poste la revenintaj el Kievo partoprenantoj de la "antimajdano" detale rakontis pri ĉiuj teruraĵoj, kiujn faradis la ukrainaj "banderlogoj"[1]. La jaltanoj sen ajnaj ordonoj organizis deĵoradon ĉe la monumento de Lenin sur la Ĉemara bulvardo por eviti vican "Lenin-

---

[1] *banderlogoj* (de la hinda *Bandar Log* – "simia popolo") – ruslingva ĵargona titolo de la anoj de Organizo de Ukrainaj Naciistoj (Bandera-anoj), aktivaj partoprenantoj de la ŝtata renverso en Ukrainio en 2014. Stepan Bandera – ideologo de la ukraina naciismo, unu el la fondintoj de la Ukraina Ribela Armeo, kiu dum la dua mondmilito kunlaboris kun la hitleraj nazioj, kruele murdante alinacian loĝantaron de Ukrainio, Pollando kaj aliaj landoj.

faladon", kiu surfalis la aliajn distriktojn de Ukrainio. Ne pro tio, ke ni tiom ŝatas Leninon, sed pro tio, ke ni, krimeanoj, mem decidas, kio okazu sur nia tero! Krom la ukrainaj nazioj nin minacis la lokaj tataraj naciismuloj... Kiam okazis referendumo pri aliĝo al Rusia Federacio, la krimeanoj amase voĉdonadis kaj ĝojegis, kiam sur la granda stacidoma horloĝo en Simferopolo la montriloj estis agorditaj al la moskva tempo!".

Jen li estas tia, iama sovetia disidento kaj nuna granda rusia patrioto. Li ne timas minacojn de la nunaj ukrainaj nazioj, same kiel iam ne timis "avertojn" de la ŝtatsekurecaj servoj. Li "revenis hejmen" kaj li pravas!

***<u>Masandro</u>***

Tiun nomon havas distrikto de Jalto, kie okazis KET. Ĝi situas sur deklivoj de la monto, kaj nia komunloĝejo kronis pinton de tiu monto. Dum la unuaj tagoj ni scivoleme piedmarŝadis suben-supren, esplorante la pitoreskajn ĉirkaŭaĵojn, poste preferadis uzi aŭtobusojn por viziti centron de la urbo kaj la urbajn plaĝojn. La belegaj pejzaĝoj de Masandro ravis nin. Tuj apud la komunloĝejo ni trovis la faman vinan fabrikon "Masandro", kie ni certe kun plezuro ekskursadis, gustumante ties vinspecojn kaj aĉetante la plaĉajn por porti hejmen.

***<u>La "civitanoj de l' Verda Respublik'"</u>***

Nia Verda Respubliko ĉi-foje ne estis multnombra. Multaj eksterlandaj kaj eĉ rusiaj "samideanoj" ignoris la aranĝon. Sed tiuj, kiuj subtenis ĝin, estis rimarkindaj kiel veraj perloj. Mi ĝuis vidi ilin: kaj la malnovajn geamikojn kaj la novajn por mi vizaĝojn.

En tiu ĉi trezorejo krom la "brilianto" Jefim Zajdman ne eblus malatenti liajn ĉefajn organizhelpantinojn Svetlana Smetanina kaj Anĵela Belenko; niajn glorajn bardojn Mikaelo Povorin, Aleksandro Ĥrustaljov, Paŭlo Moĵajev; famajn veteranojn de nialanda E-movado Mikaelo Ĉertilov,Vladimiro Bespalov, Boriso Zozulja, Vladimiro Minin, Andreo Grigorjev, Tatjana Loskutova. Dank' al ilia aktiveco okazis ĉefaj programeroj de nia aranĝo: prelegoj, koncertoj, konkursoj. Min kiel gvidanton de la poezia vespero precipe ĝojigis Mikaelo Povorin kaj Paŭlo Moĵajev. Mikaelo komponis kortuŝan melodion kaj premiere plenumis la kanton "Krimeo" (poemo de N.Turoverov), kiu reflektis tragikan eventon de la jaro 1920 en la vivo de la poeto – devigan pafmortigon de la lasita ĉevalo dum fornavigo el Jalto. Paŭlo brile plenumis tri kantojn de la fama okcitana bardo *Patric,* kiujn mi iam tradukis al Esperanto kaj kiujn foje plenumis mem *Patric*. Sed mi devas konstati, ke Paŭlo prezentis la kantojn ne malpli bele, sed eĉ pli certece, ĉar li estis la unua esperantisto, kiu plenumis la kantojn en Esperanto (*Patric* ne posedas nian lingvon). Ŝajne Paŭlo estis sola el la koncertantoj, kiu ricevis "bravon" de la spektatoroj pro la kanto "Mia bela cikadino".

El la novuloj min ravis miaj junaj samurbanoj Alekseo Nistratov kaj Aleksandro Lebedev, kiuj malgraŭ la unua partopreno en la amasa E-aranĝo ne nur tute vigle parolis Esperante, sed eĉ gajnis la konkurson pri la sinsekva traduko, kiun organizis Vladimiro Minin; ili ankaŭ aktive partoprenis en la poezia vespero, deklaminte kelkajn poemojn de rusaj poetoj. Tre aktiva kaj kreiva grupo el Krasnojarsko ankaŭ

altiris ĉies atenton. La ĉarma Evelina Sokolova kun profesia vokalvoĉo grave helpis al mi dum la poezia vespero, bele plenuminte du kantojn en mia traduko; ŝi ankaŭ multe kantis dum la komuna koncerto. Ŝia edzo Rustam Karapetjan prezentis siajn originalajn porinfanajn poemojn kaj la dekjaraĝa filo Jan ĉarme recitis en Esperanto la poemon de D.Ĥarms "Malfeliĉa kato".
Surprizis min pluraj eksterlandanoj, partoprenintaj en KET, precipe la ĉarma juna geedza paro el Kanado – *Jed Meltzer* kaj *Deborah Perkins-Leitma*n, kaj belstatura juna viro el Germanio *Eric Rademacher*. Mi konvinkiĝis, ke ne ĉiuj okcidentanoj unuanime sekvas kontraŭrusian politikon de siaj registaroj – kelkiuj havas propran sintenon kaj deziras memstare esplori ĉion. Krome, niaj eksterlandaj gastoj grave kontribuis al la aranĝo: *Jed* prelegis pri la lingva situacio en Kebekio kaj *Eric* organizis "rondan tablon" por pridiskuti kun ni la aktualan mondan situacion.
Min ravis la familieca etoso de nia aranĝo, en kiu mi (verŝajne same kiel ĉiuj aliaj partoprenantoj) ne sentis min perdita kaj neatentata. Ĝi memorigis al mi niajn neforgeseblajn sovetiajn junularajn tendarojn, dank' al kiuj mi siatempe iĝis verva esperantistino.

***<u>"La insulo Krimeo"</u>***

Tian titolon havis fama romano de la rusa verkisto-disidento Vasilij Aksjonov, verkita fine de la 1970-aj jaroj. Oni taksas ĝenron de la verko kiel fantasta romano pri Krimeo kun alternativaj geografio kaj historio. Kiam mi la unuan fojon legis la romanon en la 1990-aj jaroj ĝi ŝajnis al mi enua kaj malagrabla pro la kontraŭsovetia senco. Sed post la aliĝo (aŭ aligo laŭ ies opinio) de Krimeo al Rusio en marto de 2014 la fantaziaĵoj de V.Aksjonov mirigis per sia antaŭvido.
Nun, en somero de 2016, mi konstatis, ke Krimeo efektive transformiĝis el la duoninsulo en veran insulon pro la transporta kaj alispeca blokado flanke de Ukrainio kaj la "civilizita" okcidenta mondo. Mi vidis malplenajn fervojojn, senhomajn stacidomojn, fermitajn "McDonald's"-ojn... Malamikoj de Krimeo, verŝajne, maliceme atendas pluan nombradon de la plagoj kaj malagrablaĵoj, kiujn havas nun la obstinaj krimeanoj. Sed mi ne scias, kion ankoraŭ aldoni. Mi ne vidis senakvan Nord-Krimean kanalejon post kiam Ukrainio baris akvofluadon el sia lando en 2014 kaj estis mirigita, ke en nia Masandra komunloĝejo ĉiudiurne estis varma kaj malvarma akvoj sen ajnaj problemoj; mi ne spertis kune kun la krimeanoj energiblokadon en novembro 2015, kiam la ukrainaj ekstremistoj eksplodfaligis mastojn de elektrokonduktiloj ĉe la limo de Krimeo. Tiam sen elektro restis pli ol du milionoj da krimeanoj en siaj loĝdomoj, lernejoj, laborejoj. La blokado estis venkita dank' al la energiponto "Kubanjo – Krimeo", kiu estis konstruita dum la rekorda duonjara periodo.
Jes, la krimeanoj nun, same kiel ĉiuj aliaj rusianoj, spertas diversajn malfacilaĵojn pro la sankcioj, kiujn inventeme elpensadas la "civilizaciuloj". Sed tiuj homoj en Krimeo, kiuj dum sesdek jaroj strebis reveni al la "patrino Rusio", disde kiu ili estis iam arbitre kaj maljuste apartigitaj, kapablas kun rideto renkontadi la provizorajn malagrablaĵojn. "Mono mankas, sed vi toleru!" – vidas ni ŝercan sloganon sur la vendataj ĉemizoj. Kaj la insulanoj toleras, ĉar ili scias, ke post du jaroj estos finkonstruita la Kerĉa ponto, kiu ligos Krimeon kun la kontinenta parto de Rusio. La

transporta blokado ĉesos kaj la vivo nepre pliboniĝos. En la keloj de la Masandra vinfabriko jam kuŝas boteloj kun la novproduktita vino kun la etikedoj “Nova *Ponto”*. Ili estos malŝtopitaj post kiam laŭ la ponto veturos la unuaj trajnoj kaj aŭtomobiloj. Kaj la festo venos al la stratoj de Krimeo! Tiam mi revenos al Jalto kaj trinkos la novan vinon por la bonstato de la krimeanoj.

***Ludmila Novikova***

## RA-11



Renkontiĝo de Amikoj – 11 (RA-11) okazis la 22-an – 29-an de julio 2016 en eksa orfejo en vilaĝo Judino apud la ĉefurbo de respubliko Tatarstano Kazanj (Rusio). La aranĝon partoprenis 11 personoj el Kazanj, 9 – el Novosibirsk, po 5 el Moskvo, Ĉeboksari kaj Tjumenj, 4 – el Tomsk, po 3 – el Krasnojarsk kaj Tiĥvin, 2 – el Glazov (Udmurtio), po 1 – el Neftejugansk (Ĥanti-Mansia Aŭtonoma Regiono), Liskovo (regiono de Niĵnij Novgorod), Barnaul, Jekaterinburg, Parabelj (Tomska regiono) kaj Nabereĵnie Ĉelni (Tatarstano). Entute – 53 personoj. Ĉiuj – el 15 loĝlokoj de Rusio. La esperantistoj el Kazanj kaj Nabereĵnie Ĉelni ne loĝis kun ni, sed sporade venadis al la renkontiĝo. La aranĝon organizis esperantistino kaj membro de REU-komisiono pri la regiona agado el Novosibirsk Katerina Arbekova kaj aliaj novosibirskaj esperantistoj. Grandan dankon al ili!

En la programo okazis ekskursoj en urbo Kazanj kun vizitado de multaj vidindaĵoj (inkluzive vizitojn al la iama strato de Esperanto, mi eĉ fotiĝis apud policejo “Esperanto” en tiu strato) kaj kun gustumadoj de naciaj tataraj pladoj. Okazis ankaŭ ekskursoj al vidindaĵoj ĉirkaŭ urbo Kazanj: al monaĥejoj, diversaj belaj konstruaĵoj kaj antikvaj loĝlokoj, turistaj piedmarŝoj kun naĝado en Smeralda kaj Cigna lagoj kaj sunbruniĝado. Okazis ankaŭ ekskurso laŭ rivero Volgo per ŝipo.

En la kleriga programo okazis E-kursoj (konversaciaj rondoj) por komencantoj (gvidis Konstantin Obrazcov el Tomsk) kaj por progresantoj (gvidis Irina Gonĉarova el Moskvo). Okazis ankaŭ prezentadoj de E-teatraĵetoj, vespero de E-poezio, en kiu mi prezentis miajn tradukojn en E-on de kantoj de tomska esperantistino kaj kantistino Tatjana Vinogradova. Aleksandr Blinov el Ĉeboksari prelegis pri “Kiel lerni lingvojn”. Okazis spektado de video- kaj kinofilmoj en E-o, E-kvizoj, ludoj, konkursoj, metiejoj (produktado de artefaritaj floroj ktp), surtablaj ludoj (inkluzive preferancon) ĝis malfrua vespero.

Okazis interpretista konkurso el E-o en la rusan lingvon inter 9 partoprenantoj. La ĉampiono de Rusio iĝis Aleksandr Belov el Tiĥvin (Leningrada regiono). La 2-an lokon okupis Katerina Arbekova el Novosibirsk. La trian – Viktor Gromov el Kazanj. La laŭdan mencion ricevis Jelena Ŝaravina el Krasnojarsk. Bonajn ŝancojn por okupi la unuan lokon havis 11-jara miraklinfano Petro Fedosov el Moskvo, sed



post la unua etapo Irina Gonĉarova subite eltiris lin el la konkurso kaj forveturigis al Moskvo (ĉu eble pro envio al li?). La konkurson aranĝis kaj gvidis Vladimir Minin (Tomsk).

Ĉiuvespere okazadis gajaj programoj. La 26-an de julio okazis festado de la 129-a naskiĝtago de Esperanto.

Fojfoje venadis ĵurnalistoj el urba interretgazeto "Inde". Ili fotadis kaj intervjuadis partoprenantojn de RA-11. Meze de aŭgusto en la retejo de "Inde" aperis grandaj artikoloj pri RA-11 kaj pri la eksa strato de Esperanto. En la artikolo pri RA-11 aperis grandaj intervjuoj kun la prezidanto de Kazana E-Klubo Ildar Kijamov, kun la prezidanto de Tomska E-Klubo Konstantin Obrazcov kaj kun la komisiito de REU pri la regiona agado Vladimir Minin.

Enkadre de RA-11 okazis ankaŭ la transdono de la letero, kiu estis akceptita de esperantistoj de 6 landoj en "Krimeaj Esperanto-Tagoj" en Jalta (Krimeo, 12-20.07.2016) al la urbestro de Kazanj kaj al la prezidento de Tatarstano pri alinomigo de la eksa strato de Esperanto je strato de Nazarbajev. Detale mi skribis/skribos pri tio kaj pri la artikoloj en "Inde" en miaj aliaj leteroj.

***Vladimir Minin,*** *REU-komisiito pri la regiona agado*



## MER-6

9-11 sept 2016 en ripozejo "Salut" apud urbo Puŝkino (Moskva regiono) okazis la 6-a Moskva Esperanto-Renkontiĝo. Partoprenis 30 personoj: 1 el Latvio, ĉiuj ceteraj el Rusio; estis reprezentitaj Moskvo, Ivanovo, Niĵnij Novgorod, Brjansk, Sankt-Peterburg, Riga k/aŭ ties regionoj.

La intenco revivigi etoson de iamaj Centro-Rusiaj E-Renkontiĝoj plene sukcesis. Agrablan nuancon al la etoso aldonis kelkaj lokaj katoj, unu el kiuj tuj aliĝis al nia kompanio kaj pasigis tutan tempon en nia dometo aŭ apud ĝi, volonte akceptante nutraĵojn kaj karesojn.

Preskaŭ ĉiuj partoprenintoj estis spertaj Esperanto-parolantoj, do ne okazis iaj kursoj. Kelkaj progresantoj diligente strebis paroli en Esperanto kaj tre baldaŭ adaptiĝis al la etoso. Oni aŭskultis prelegojn pri evoluo de Esperanto-ideologio (N.Gudskov), pri problemoj de beletra tradukado (du prelegoj – de V.Melnikov kaj L.Novikova), pri popolaj fabeloj (A.Striganova), pri perspektivoj de libro-eldonado (D.Ŝevĉenko), pri L.Zamenhof kaj A.Postnikov (M.Bronŝtejn), pri K.Gusev (ties filo V.Gusev) k.a. Enkadre de MER estis anoncita scienca konferenco de la Universitato pri Popol-amikeco – do la prelegoj baldaŭ estos publikigitaj, en la rusa kaj Esperanto, kiel ties materialoj.

En komplika kvizo pri raraj vortoj kaj pri Esperanto-kulturo venkis V.Melnikov – tamen kun li akre konkurencis M.Povorin. Vespere okazis bardaj koncertoj (M.Povorin, M.Bronŝtejn, S.Straŝnenko), arta kafejo, komuna kantado.

M.Abramoviĉ preparis bongustegan ŝaŝlikon – tiu malfruvespera aranĝo multe superis iamajn lignofajrojn, pro kies manko en rusiaj E-renkontiĝoj delonge suferis spertaj esperantistoj...
Ĉio planita okazis ĝustatempe, eĉ lastmomente aldoniĝis unu plia programero anstataŭ supozita "libera tempo". La organizantoj – Dmitrij Ŝevĉenko kaj Anna Striganova – zorgis pri ĉio vere modele. Ni esperu, ke tia semajnfina eksterurba renkontiĝo iĝos tradicia, samkiel unutagaj renkontiĝoj en la gastama hejmo de Dmitrij kaj Anna.

***Valentin Melnikov***

## Opinio pri MER-6

Komence de septembro en Moskvo estis multe da eventoj: Urbofesto de Moskvo, Internacia milit-teknika forumo "Armeo-2016", malfermo de nova urbotrajna linio "MCR" (Moskva Centra Ringo).



Kaj moskvaj esperantistoj Dmitrij Ŝevĉenko kaj Anna Striganova organizis Esperanto-eventon: Moskva Esperanto-Renkontiĝo. Tio estis la sesa renkontiĝo. Ĝi okazis en pitoreska loko apud rivero en Puŝkinskij-distrikto de Moskva Regiono. Ĉefa temo estis: Esperanto-kulturo. Antaŭ la evento estis preparitaj anoncoj en Interreto, en Vizaĝlibreto, solenaj invitleteroj… Oni havis eblecon tralegi "Programon de 6-a Moskva Esperanto-Renkontiĝo" k.t.p. Burokratoj estis kontentaj. Sed ordinaraj homoj ekplezuris dum renkontiĝo de samideanoj.
En programo estis skribite: "... Kvizo". Sed ni ekvidis brilan ludvesperon. Mikaelo Bronŝtejn preparis amuzajn demandojn, partoprenantoj lerte respondis. Du favoritoj: Valentin Melnikov kaj Mikaelo Povorin, rivalis en fino. Venkis Valentin, sed realan ĝojon gajnis ĉiuj. Kaj poste estis koncerto de Mikaelo Povorin. Ĝi poiomete transiris al komuna kantado malfrue post meznokto.
Dum sekva tago estis seriozaj prelegoj. Seriozeco ne estas enueco. Oni aŭskultis prelegojn en unu enspiro. En ĉiuj rakontoj estis multe da specialaĵoj.
Organizintoj bone kaj bele faris sian laboron. Ĉio estis en ordo, ĉio iris laŭ plano ĝustatempe. Prelegoj estis bonaranĝitaj, manĝpaŭzoj ne donis eblecon laciĝi. Estis neatenditaj elementoj: dum prelegoj alvenis kato kaj partoprenis en la renkontiĝo ĝis fino. En dua nokto akurate meznokte komenciĝis pluvo. Ĉiuj devis kuri al fajro sub tegmento. Ĝi ploris ĝis matenmanĝo.
Esperanto-renkontiĝo tre plaĉis al mi. Tio estis brila tempo por samideanoj.

***Aleksej Kozlov***

## MODELA INTERNACIA ARANĜO

Ekde miaj studentaj jaroj mi tre ŝatas Ĉebaltion, precipe Litovion kaj aparte BETojn, kiujn perfekte organizas nelacigebla Povilas Jegorovas kun sia granda amikecema fidinda teamo.
Ĉi-somere la vica BET-52 pasis en ĉarmega pitoreska kuracloko Birŝtonas, ĉe la




bordo de la rivero Neman. Oftaj pluvoj kun tuja varma sunapero ĝojigis kaj mirigis nin, ni ja atendis fridan veteron. La pitoreska areo abundis je fontoj kun diversspecaj mineralakvoj. Floraro, antikvaj konstruaĵoj kaj natura arbaro vokis al senĉesa promenado kaj ripozo. Tamen – ne! Ne havis ni eĉ minuton liberan! La partoprenantaro riĉis je karaj vizaĝoj, konataj nomoj, elstaraj prelegantoj, spertaj instruistoj, famaj aktoroj kaj kantistoj. Ĉirkaŭ 300 esperantistoj el 27 landoj ne havis eblecon enui. La programo estis detale kaj skrupule preparita, perfekte aranĝita kaj plenumita. Krom multegaj prelegoj far diverslandaj profesoroj (W.Zelazny, A.Melnikov, G.Silfer kaj aliaj) estis organizitaj lingvaj kursoj en 8 grupoj por dezirantoj ĉiunivelaj. Tion profesie patronis Grazina Opulskiene. Kvankam la programeroj pasis en diversaj partoj, anguloj kaj ejoj de la kuracloko, ĉio estis perfekte preparita kaj aranĝita.
Ne mankis ekskursoj: ŝippromeno ĝis Kaunas, gustumado de medo en unu el antikvaj urbetoj k.a. Ĝuinda estis la plenumado de litova himno, kiam la 6-an de julio je la 21-a horo litovoj en la tuta mondo omaĝas la publikan kantadon al la Tago de la ŝtato (kronado de la Litovia reĝo Mindaugas). BETanoj aliĝis al ĉi kantado kune kun la urbestrino de Birŝtonas, kiu gaste venis al BET.
Vesperaj koncertoj estis vere neimagebla plezuro! JoMo, Mikaelo Bronŝtejn, Assorti, Georgo Handzlik kaj Saŝa Polipoviĉ kun la nova spektaklo “La kredito”, Ĵomart kaj Nataŝa, instruista ensemblo “La Nigra Rozo” el Litovio kaj multegaj aliaj, kiujn admiris la publiko kaj donacis al ĉiuj fortajn aplaŭdojn.
Ne eblas forgesi noktajn programojn, kiuj pro pluvoj okazadis en unu el la domaj prelegsalonoj. Kantoj sonis ĝis maten’, anekdotoj, amika varmega etoso, regaloj, vino, biero, dolĉaĵoj, spritaĵoj. Intermiksiĝis ĉio. Unika estis BET ĉi-foje! Ni kantis amatajn kantojn de nia SEJM-epoko, dank’ al kelkaj spertaj gitaristoj kaj kantemuloj (Nataŝa Berce, Sergeo Straŝnenko, Mikaelo Bronŝtejn, Mikaelo Lineckij) la etoso estis preskaŭ ĉelignofajra. Kelkaj nespertuloj miris pri tio, kiel (ekzemple, pri mi) eblis partopreni ĝis la frua mateno kantadon kaj je la 9-00 jam instrui… Mi mem miras ĝis nun.
Ege interesa, kvankam ne tre bone aranĝita far poloj, estis kvizo pri Esperanto-historio, literaturo, movado. Surprizaj estis premioj kiuj konsistis ne nur el diplomoj, belaj libroj, sed ankaŭ enhavis kovertojn kun certaj sumoj en eŭroj. Tre agrable!
Adiaŭan koncerton tute neatendite por ni ekigis per gitarludado kaj kantado de kelkaj popularaj E-kantoj veterano de E-movado Vitautas Ŝilas. Vera donaco!!!
Unuvorte, mi feliĉis en BET, feliĉas nun kaj feliĉos en estonto, venonte al novaj ĉebaltaj aranĝoj. Dankegon, karaj litovoj! Prosperon al la klubo “Juneco”, sanon kaj fortojn al Povilas Jegorovas, kiu faras ĉion profesie! Imitinda modela aranĝo ne nur por BET-organizantoj, sed por multnombraj ontaj eventoj en Esperantujo ĝenerale.
Kaj fine – vera historio el ĉi-jara BET, kiu jam cirkulas, kiel anekdoto. Ĉe la ŝildo kun la nomo “Manĝejo” staras du litovoj, ne esperantistoj, kiuj ripozis en la sama bazejo, kaj legas: “mangejo” (sen ĉapelo). Aliras niaj homoj kaj oni demandas, kio ĝi estas. Esperantistoj klarigas, ke tio estas internacia lingvo, ktp, ktp. Tiuj du iom meditas kaj diras: “Bone, ke ni ne estas gejoj”.

***Svetlana Smetanina***

## 49-a ILEI-konferenco

Ĉi-jare la konferenco okazis meze de Eŭropo – en Hungario, en tre afabla urbo Nyíregyháza. Ĝi situas en la plej orienta parto de la lando. Nyíregyháza estas unu el la 7 plej grandaj urboj de Hungario. Ĝi estas konata unuavice kiel la fama kuracloko. La loko estis perfekte elektita ankaŭ rilate al la konferenc-kondiĉoj. Je dispono de konferencanoj estis konstruaĝoj de Nyíregyháza universitato – unu el la scio- kaj klerigaj centroj en Hungario. Ĉiuj ejoj estis bone ekipitaj per necesaj teknikaj kaj aliaj bezonaĵoj. Partoprenis la ĉi-jaran ILEI-konferencon 130 partoprenantoj el 26 landoj el 5 kontinentoj.

La temo de la ĉi-jara 49-a ILEI-konferenco estis "Novaj vojoj de lernado". Temis ne nur pri Esperanto-studado, sed ĝenerale pri la eduka proceso. La temo estis elektita ne hazarde. Moderna mondo tute ŝanĝis la nunan pedagogian situacion. Se antaŭe instruisto ĉiam superis la lernadon kaj lernantojn, hodiaŭ iliaj roloj egaliĝis. Pere de modernaj teknikaj lerniloj la studentoj ofte facile memstare studas diversajn fakojn. La sukceso de tiuj paĝaroj, ekzemple, por Esperanto – Duolingo aŭ Lernu.net – pruvas ŝanĝojn de la nuna edukado. Do, ILEI kiel organizo de instruantoj devas, kompreneble, konsideri tion. La temo de la 49-a ILEI-konferenco tute kongruis kun la proklamita flanke de UEA Jaro de la Lernanto – JdL. Ĝi estis lanĉita en Nitra (Slovakio) dum la 101-a UK – Universala kongreso de Esperanto – kaj daŭros dum unu jaro ĝis la 102-a UK en Seulo (Koreio). Dum tiu Jaro estas planotaj diversaj aranĝoj rilataj al la edukado. La 49-a ILEI-konferenco komencis realigadon de JdL laŭ la propra programo. Dum la konferenco en Nyíregyháza okazis multaj altkvalitaj prelegoj, prezentoj, atelieroj. Oni povis diskuti pri diversaj aspektoj de la eduka proceso, pri rolo de Esperanto en interkultura lernado. La eminentaj prelegintoj prezentis riĉajn kolektojn de instru- kaj kapablig-materialoj, proponis interesajn diversspecajn ekzercojn.

Ĝenerale la programo estis tre riĉa kaj densa, kiel kutime dum la ILEI-kunveno. Ĉiu partoprenINTO povis elekti iun aŭ alian programeron laŭ propraj deziro kaj intereso. Diversaj aktivaĵoj plenigis la tutan semajnon. Altnivelajn prelegojn ŝanĝis interesaj debatoj, seminarioj, diskutrondoj, cerbumado pri diversaj gravaj temoj. Ĉiu povis proponi proprajn ideojn, vidpunktojn, sciojn por la komuna pripensado kaj pritraktado. Tiuj opinioj tre gravas por ILEI, ĉar donas novajn stimulojn kaj agaddirektojn por la Ligo pri instruado kaj kapabligo rilate al Esperanto.

Kompreneble, nepris diversnivelaj kursoj pri Esperanto, gviditaj de spertaj kaj lertaj instruistoj. Ilin partoprenis pli ol 60 konferencanoj, inter ili – pli ol 20 novuloj.



Fine de la kursaro okazis ILEI-ekzameno por partoprenintoj. 25 el ili sukcese trapasis la ekzamenon kaj dum la fermo en solena etoso ricevis siajn diplomojn. Krome, atestilojn ricevis 11 komencantoj, kiuj diligente lernis Esperanton.

Dum la konferenco la partoprenintoj ne nur havis eblecon viziti diversajn kursojn/seminariojn, sed povis studi aŭ perfektigi siajn instru-kapablojn. Okazis kelkaj suk-

cesaj prelegoj kaj trejnadoj, gviditaj pere de profesiaj spertuloj (Zsofia Korody, Mireille Grosjean, Dunkan Ĉartes kaj aliaj). Ilin partoprenis multaj (ĝis 48) instuemuloj el diversaj mondanguloj. 25 el ili ankaŭ ricevis diplomojn pri instruista trejnado, 5 konferencanoj spertigis sin en provlecionoj. Krome, tre valoris interŝanĝo de instru-spertoj, kio okazis konstante dum la diversaj programeroj.
Kaj, kompreneble, la konferencanoj malkovris por si Hungarion – ĝiajn kulturon, tradiciojn, vivon. Dum la konferenco okazis belegaj koncertoj de la lokaj artistoj kaj grupoj. Ekzemple, per siaj kantoj ĝojigis la partoprenintojn Attila Schimmer – fama hungara kantisto. Gajajn hungarajn dancojn, inkluzive faman ĉardaŝon, prezentis lokaj folkloraj grupoj. Nacia vespero, sendube, restis en la memoro de la konferencanoj kiel la plej signifa impreso ene de la kultura programo. Ne mankis, kompreneble, ekskursoj. La partoprenintoj ne nur konatiĝis kun Nyíregyháza mem, sed kun ĝiaj belaj kaj famaj ĉirkaŭaĵoj. Dum la tuttagaj ekskursoj la konferencanoj gustumis lokajn trinkaĵojn kaj eĉ mem produktis ĉokoladon.
Ankaŭ konferencanoj demonstriis siajn kapablojn – dum la internacia vespero. La partoprenintoj ĝuis kantojn en diversaj lingvoj, muzikon el diversaj mondopartoj, belegajn naciajn dancojn. Dum unu vespero koreianoj plezurigis la konferencanojn per siaj dancoj, muziko, prezentoj. Ja Koreio gastigos ILEI-kunvenon sekvontjare.
Tradicie okazis lingva festivalo. Por ĝi oni elektis etnografian subĉielan muzeon – Sóstó. Kaj scivolemuloj povis lerni kaj ekzerciĝi en la hungara lingvo, kiu estas unu el la plej malfacilaj lingvoj en la mondo. Sed ja esperantistoj alkutimiĝis superi lingvajn barilojn, ĉu?
Dum ripoztempo, kiu fakte ne multis, la partoprenintoj havis ankaŭ eblon iom sanigi sin en diversaj banejoj kun minerala akvo. La organizantoj zorgis pri rabatoj por la konferencanoj, kio estis aparte tre agrabla. Do, Esperanto protektas ne nur pacon kaj interkomprenon, sed ankaŭ la sanon – morale kaj fizike, ĉu?
Fine de la konferenco okazis enketado pri ĝiaj rezultoj. La partoprenintoj skribis siajn impresojn, rimarkojn, sugestojn, venintajn de iliaj observoj kaj spertoj dum tiu ĉi aranĝo. Tiuj resonoj estas ege valoraj por la sekvontaj jarkunvenoj de ILEI! Ja reago de membroj estas la unua instigo por la Ligo kaj ĝia Estraro. ILEI planas daŭrigi tiun novan iniciaton pri enketado. Finiĝis la konferenco per preskaŭ 3-taga densa kaj fruktodona Estrar-kunsido de ILEI, kie oni konkludis la rezultojn de la ĉi-jara kunveno kaj planis sian laboron por la sekvonta tempo.
La ĉi-jara konferenco estis la lasta, ĉar dum la komitat-kunsido de ILEI en Nyíregyháza oni decidis venontajn jarkunvenojn nomi la kongresoj de ILEI. Tiu nomo pli kongruas pro abundeco kaj varieco de la programo. La sekva ILEI-(jam)kongreso okazos en Koreio – lando de UK-2017, en la marborda urbo Busan, la 15-22-an de Julio 2017 (rigardu la paĝaron de ILEI <http://www.ilei.info/ aŭ la facebook-grupon https://www.facebook.com/groups/158807324552503/?fref=ts>).

***Elena Nadikova***

***Nia movado***

## La franca grupo gaste en Tiĥvin – Sankt-Peterburgo – Moskvo

La lastan semanjon de septembro en Moskvo gastis 7-persona grupo de esperantistoj el Normandio. Antaŭ ol veni Moskven ili kurte vizitis Tiĥvin-on, kies ĝemelurbo estas urbo Herouville. La grupo gastis en Sankt-Peterburgo, ĝuis la vidindaĵojn

de la dua ĉefurbo kun helpo de Viktoro Kandalinskij, Svetlana Ejst kaj Valeria Cvetkova. Oni vizitis Ermitaĝon, ŝipumis al Peterhof, admiris la koncerton "Ĥoro de Tureckij". La grupo devintus veni fine de julio, tamen, la tiĥvinanoj ne povis ĝin akcepti, pro tio la vizito estis transmetita al septembro. Al ni bonŝancis pri vetero, kvankam ne tre varmis, almenaŭ ne estis pluvo. El la grupo nur 2 personoj antaŭe vizitis Rusion, ĉiuj ceteraj venis la unuan fojon kaj , certe, multo interesis la gastojn.

La grupo vizitis Kremlon, Ruĝan Placon, ambaŭ Arbatojn, Tretjakov-galerion.

Estis organizita busa ekskurso tra la urbo, vizito al vespera metroo, tre plaĉis la Katedralo de Kristo-la-Savinto, Moskva Ŝtata Universitato, Parko de Venko.

Unu plena tago estis dediĉita al la tipa rusia urbo centre de la lando kun longa kaj interesa historio Pereslavl-Zalesskij. Ni vizitis miraklan Blu-Ŝtonon, la muzeon "Botik Petra", iom kunpartoprenis la feston de Caro Berendej, promenis tra la fama Dendrologia ĝardeno. Tre interesa evidentiĝis por niaj gastoj Muzeo de Ruzaĵoj, kie oni kaj ridegis kaj fajfis (pro miro), palpis la eksponaĵojn, fotis.

Omaĝe al la Tago de turismo, kiu estis precize ĉi-vizite, en la loka restoracio oni regalis per vodko, kio tre plaĉis al gastoj, iom frostiĝintaj en la venta vetero ĉe Pleŝĉejevo-lago .

En Esperanto-klubo "Lev Tolstoj" onin plezurigis per la koncerteto Miĉjo Povorin. Francoj kantis siajn ŝatatajn kantojn, ni kantis kune en Esperanto, babilis, manĝis, trinkis, interŝanĝis impresojn kaj opiniojn pri nialandaj kulturoj kaj historioj.

En la grupo vojaĝis kuraĝa handikapulo en ĉaro. Por ni tio estis nova sperto, malfacila, peniga, iom laciga. Sed admirinda! Mi rompadis la kapon, kiam Mikaelo Bronŝtejn komunikis al mi pri tio. Kion ni faru kun li en la metroo, en muzeoj, en.., en…? Neniam Jean-Marie (lia nomo) plendis, ĉiam havis bonhumoron, enviindan sintenon. La grupo helpadis, neniam li sentis sin izolita, lasita, forgesita. Bedaŭrinde, nek nia lando (precipe laborantoj en muzeoj), nek ĉirkaŭaj homoj estas pretaj kunvivi kaj kunagi kun similaj homoj.

La grupo forflugis, apenaŭ tenante larmojn en okuloj, tiom kortuŝa estis la unusemajna restado… Plaĉis ĉio: Moskvo, senpluva vetero, barĉo, sinceraj helpemaj homoj, akcepto.



Lige kun tio mi esprimas apartan dankegon pro sindona, fervora, ĉiutaga helpo al Dmitrij Osipov! Koran dankon al helpintoj lingve, fizike, morale: Aleksej Kozlov, Aleksandr Milner, Galina Lenskaja, Ludmila Novikova. Dankon, karaj amikoj!

***Svetlana Smetanina***, *organizanto de la vizito*

## Korea karavano en Rusio



Fama sud-korea esperantisto prof. So Gilsu (ĉi-jare li fariĝis Honora Membro de UEA) organizis trajnan vojaĝon de 10 samideanoj el Seulo al 101-a UK en Nitra, kaj poste – tra pluraj landoj de la Centra Eŭropo. Survoje li haltis en diversaj urboj, kie lokaj esperantistoj multe helpis al la grupo konatiĝi kun la koncernaj urboj: mendis hotelojn, manĝojn, gvidis ekskursojn – ktp, ktp. Kompreneble, granda parto de la vojo estis en Rusio, kaj la grupo haltis en Irkutsko, Novosibirsko, Jekaterinburgo kaj Moskvo, kie ĝi estis 16-17.07. Dank' al prepara laboro de Svetlana Smetanina, ni (t.e. mi, Timur Kuliev, Aleksej Kozlov kaj Anna Striganova) sukcesis kontentigi ĉiujn dezirojn de la koreaj s-anoj – gvidis kaj tradukis ekskursojn, montris vidindajn lokojn en Moskvo, trovis koreajn restoraciojn… La vizito de tiaspeca trajnkaravano al Rusio ne estas lasta – sekvontjare s-ro So planas ion similan el Eŭropo al la 102-a UK en Seulo.

***Nikolao Gudskov***




## Premiitaj estraranoj

26-an de julio 2016 enkadre de UK-101 en Nitro estis anoncitaj la rezultoj de Belartaj Konkursoj de UEA. En la poezia branĉo la trian premion ricevis Aleksandro Mitin, pro "Agemaj homoj kuras al sukceso". Honoran mencion ricevis Valentin Melnikov pro "Ironiaj hajkoj". Ĉi-jare la poezian konkurson partoprenis 39 verkoj de 18 aŭtoroj el 15 landoj.

Dum la Scienca Forumo, kiu okazis kadre de la 101-a Universala Kongreso de Esperanto, estis anoncita, ke la libro de Nikolao Gudskov "Origino de la vivo sur la Tero" gajnis la 3-an lokon en la Premio por la plej bonaj sciencaj verkoj en 2010-2015 en Esperanto. La premio estis fondita de AIS. Nepre menciindas, ke la unuan premion *Germain Pirlot* ricevis Tatjana Auderskaja el Odeso pro la libro "Vivo en guto da akvo" (kies scienca redaktoro, cetere, estis ankaŭ N.Gudskov). Ambaŭ sciencpopularaj libroj estis eldonitaj en la moskva eldonejo "Impeto" en la serio "Familia biblioteko".

S-roj Mitin, Melnikov kaj Gudskov nun estas estraranoj de REU – do, la movadanoj bone okupiĝas ankaŭ pri evoluigo de la verda kulturo!

## Informo el Volgogrado

Jam dum kelkaj jaroj nia, iĝinta malmultnombra, klubo "Espero" ĉiujare organizas ion por loĝantoj de la suda urba regiono. Ses fojojn ĉe ni estis Festivaloj de slavaj lingvoj, kiujn ni faris en diversaj lernejoj. Kvin fojojn ni organizis ekspoziciojn pri Esperanto okaze de la "Tago de distrikto" aŭ "Nokto en muzeo" kaj "Tago de bibliotekisto". Ankaŭ la 4-an de novembro (Festo de sendependo) ni trioble por 7-8-klasanoj faris kvizojn en la testa formo: "Ĉu vi bone scias historion kaj kulturon de Rusio?" Gelernantoj respondis skribe.

Sep fojojn ni ŝakludis. Pri tio mi rakontos pli detale, eble iu uzos nian metodon. Dum kvin unuaj turniroj ludis po 10-12 plenaĝuloj kaj 12-15 gelernantoj. Inter ili ludis 3-5 esperantistoj. Sed, bedaŭrinde, lastaj du turniroj pasis sen viroj. Turnirojn ni faras en lernoĉambro de muzeo "Staraja Sarepta" aŭ en sportlernejo, kie laboras kiel trejnisto de ŝaka fako Galina Lebedeva. Ŝi estis juĝanto de ĉiuj sep turniroj. Gejunuloj ludas laŭ la svisa sistemo, rapide, nur dimanĉe. Plenaĝuloj longe pensas, ne volas malgajni, ludas malrapide dimanĉe kaj sabate. Ĉiuj kun ĉiuj. Nur ĉi-jare ses virinoj sukcesis dum unu tago ludi po 5 ludoj! Imagu, aĝo de ludantinoj estis 60-75 jaroj. Helpis elteni tian ŝarĝon teo kun dolĉaj kukoj dum paŭzo. Kaj kantoj! Kvar el ses dum multaj jaroj kantas en korusoj de veteranoj.
Junularajn turnirojn ni ĉiam komencas per iu konversacio aŭ kvizo dum 8-10 minutoj. Finiĝas turniroj per enmanigo de venkatestoj kaj disdono de gajnaĵoj de sendependa loterio. La infanoj atendas tiun ĉi turniron des pli, ke pri ili en lokaj ĵurnaloj oni publikigas artikolojn kun iliaj fotoj.

***Valentina Spicina***

***Nia kulturo***

## NI FARU NIAN POEZION VERE INTERNACIA

Dum la 6-a Moskva Esperanto-Renkontiĝo, okazinta apud Moskvo la 9-11-an de septembro ĉi-jara, mi prezentis mian prelegon pri la temo "Ĉu estas la Esperanto-poezio internacia". Ĉefaj tezoj de mia koncepto estas jenaj:

- Universaleco de Esperanto apriore ebligas internaciigon de la Esperanto-poezio, ties integradon en la mondan, tuthomaran literaturon. Tamen pro la eksterlingvaj kaŭzoj tiu integriĝo ne okazas en la necesaj skaloj, ĉar ĝin bremsas memizolada sinteno de la monda E-komunumo kaj ĝiaj diverslandaj fakoj, pro kio la E-poezio funkcias nur en lingvaj kaj kulturaj kadroj de sole esperantofona komunumo sen reciprokaj interligoj kun la etnalingvaj literaturoj kaj kulturoj.
- Tio esprimiĝas en precipe unuflankaj tradukado de poeziaĵoj el la etnaj lingvoj en Esperanton sen traduki kaj publikigi la originalajn Esperantajn poeziajn verkojn en la diversajn etnajn lingvojn.
- Por korekti tian situacion necesas ŝanĝi lingvokulturan politikon de la E-komunumo: pliakcenti la interlingvajn kaj interkulturajn ligojn kun la neesperantista mondo, vaste uzi la etnajn lingvojn kiel efektivan rimedon por diskonigo de literaturaj verkoj, kreataj en Esperanto. Tio ebligos montri al la neesperantofonoj enhavajn kaj estetikajn valorojn de Esperanto, ĝian eblecon ludi rolon de internacia kulturigilo.

Precipe malkontentige statas ĉi-direkta agado en Rusio. Eblas rememori nur kelkajn publikigitajn tradukojn de la originalaj E-poemoj en la rusan lingvon. Mi opinias, ke venis tempo intensigi tiun ĉi laboron en nia lando – grandare krei kaj publikigadi ruslingvajn tradukojn de la plej bonaj originalaj E-poeziaĵoj. Kiel la plej grava celo estu estonta eldono de Antologio de Esperanto-poezio en la rusa lingvo.
Por efektivigi tiun ĉi taskon mi proponas krei laborgrupon el la kapablaj rusofonaj esperantistoj, kiuj pretas okupiĝi pri ĉi-speca tradukado.
Por komenco mi proponas al ĉiuj dezirantoj: provu traduki en la rusan lingvon la mallongan poemon de Julio Baghy "Aŭtuna foliaro" kaj sendu viajn variantojn en la redakcion de la Bulteno:

Foliaro, flirte danca,
en koloroj centnuanca,
prujnmordite ventpelate
ŝvebas ĉie: kampe, strate;
jen kuniĝas, jen dissaltas,
tie sinkas, tie haltas
por susuri, sible plendi,
jen funebre por silenti,
poste supren, ek pro blovo,
sed sencele kaj sen povo
ĝis ĝi ĉesas kirle krozi
kaj ariĝas por ripozi,
kuŝi kiel morta garbo
sub soleca seka arbo.

***Ludmila Novikova***

# *Mencioj pri Esperanto*

## Ĉina rilato al Esperanto

Nun en Rusio finfine aperis romano de la ĉina verkisto Liu Cixin (劉慈欣, Лю Цысинь) "La tri-korpa problemo" (三体, Задача трёх тел) – dume, kiel mi scias, nur elektronikforme (vd. ĉe <https://flibusta.is/b/441861>). La romano, i.a., ricevis en Usono tre prestiĝan premion *Hugo Award*, kio estas eksterordinara evento por eksterusone verkita libro. Sed jen kio gravas por ni. En la romano temas, i.a., pri tio, ke dum la Kultura revolucio en Ĉinio kvazaŭ ekzistis programo de serĉado de eksterteraj civilizoj, en kadroj de kio ekzistis projekto pri sendo de mesaĝo al supozataj eksterteranoj. Do, en tiu projekto estis teksto al ili sendota, kaj estas skribite: eblaj lingvoj – la ĉina kaj Esperanto.

Do, en imago de moderna ĉina verkisto la ĉinaj potencoj eĉ en terura periodo de la Kultura revolucio sufiĉe sciis pri Esperanto kaj agnoskis ĝian rolon kiel perfekta komunhoma lingvo. Ĝojigas!..

***Nikolao Gudskov***

## Neatendita pozitiva mencio




Laŭ atentigo de *Boris Kolker*, en la paĝaro "Slava kulturo" <http://slavyanskaya-kultura.ru/slavic/linguistics/-prosto-kak-apelsin-samye-legkie-inostrannye-jazyki-dlja-izuchenija.html> aperis artikolo "Просто как апельсин!" Самые легкие иностранные языки для изучения ("Simpla kiel orangô!" La plej facilaj lingvoj por studado) kun neatendeble pozitiva mencio pri Esperanto, eĉ kun aludo, ke ĝi povus esti la plej bona solvo de la lingva problemo en EU! Tre utila artikolo por propagandaj prelegoj kaj konversacioj. La anonima aŭtoro verkis la artikolon surbaze de iu artikolo de Františ̂ek Langer en <http://www.multikulti.ru/>.

---

**La Bulteno de REU (BdR) atendas viajn lokajn, regionajn novaĵojn! Bonvolu sendi ilin al Nikolao Gudskov <nikolao@yandex.ru> aŭ (kaj) Svetlana Smetanina <svsmetanina@yandex.ru>.**

*Estraro de Rusia Esperantista Unio*

---

*Redaktofino 12.10.2016*

# Eksciu, ke...

## FORPASIS DETLEV BLANKE (1941-2016)

D-ro Detlev Blanke, unu el la plej renomaj nuntempaj interlingvistoj, forpasis la 20-an de aŭgusto en Berlino. Li naskiĝis la 30-an de majo 1941. Blanke lernis Esperanton memstare en 1957. Li doktoriĝis en 1976 per disertacio pri kompara vortfarado de Esperanto kaj la germana (Plansprache und Nationalsprache), kaj akiris docentan diplomon en 1985 per disertacio pri planlingvoj (Internationale Plansprachen). En 1988 li fariĝis docento pri interlingvistiko en la Berlina Humboldt-Universitato, kie li daŭre prelegis ĝis 2007. Blanke estis sekretario de Centra Laborrondo Esperanto en la Kulturligo de Germana Demokratia Respubliko en 1968-1980 kaj ekde 1981 de Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR, kiu en 1991 unuiĝis kun Germana Esperanto-Asocio. Kiel sekretario li ankaŭ redaktis la revuon *der esperantist*. De 1974 li estis estrarano de Centro de Esploro kaj Dokumentado (CED), kies bultenon *Informilo por Interlingvistoj* li redaktis ekde 1992. De 1992 ĝis 2013 li kompilis (kun H.Tonkin) bibliografion pri Esperanto kaj interlingvistiko por la usona Modern Language Association.

Unu el la iniciatoj de Blanke estas la Esperantologiaj Konferencoj, okazantaj en ĉiu UK ekde 1978. Li organizis ĉ. 20 el ili kaj redaktis la aktojn de pluraj. En 1991 Blanke kunfondis "Gesellschaft für Interlinguistik" (Societo por Internacia Lingvo; GIL). Li estis ĝia prezidanto ĝis 2011 kaj redaktis ĝian bultenon kaj la aktojn de multaj GIL-konferencoj.

Blanke prelegis en multaj Esperanto-renkontiĝoj, lingvistikaj konferencoj k.a. aranĝoj en multaj landoj. Li estis ege fekunda aŭtoro kaj redaktoro: la bibliografio de liaj publikaĵoj ampleksas pli ol 1200 unuojn. Kun sia edzino Wera li laboris i.a. pri terminologio kaj iniciatis la fondon de Terminologia Esperanto-Centro de UEA en 1987. Pro meritoj en la terminologia kampo ambaŭ estis premiitaj de Infoterm per la Eugen-Wüster-Medalo en 2006. Pro sia interlingvistika agado Blanke ricevis ankaŭ la estonan premion "Academicus Paul Ariste".

Detlev Blanke estis komitatano de UEA en 1978-1998 kaj membro de diversaj komisionoj kaj laborgrupoj, i.a. kiel juĝanto pri eseoj por la Belartaj Konkursoj de UEA ekde 1980. Li estis ankaŭ membro de LKK de la 84-a UK en Berlino en 1999. En 2011 li estis elektita kiel Honora Membro de UEA.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

La aŭtoro de la subaj linioj dum multaj jaroj ŝatis la profesoron Detlev Blanke kiel eksterlandan instruiston kaj pedagogon. Ni korespondis kun Detlev ekde 2004 ĝis 2016. Ni havis komunan taskon por eldoni lian atentokaptan verkon *Esperanto kaj Socialismo? Pri la movado sur la "alia flanko"* (2004); post kiam mi verkis recenzon pri la verko (*Scienco kaj Kulturo*, 2006/2, p.11-12), de Detlev venis propono eldoni ĝin en la rusa. La frukton de nia komuna laboro oni povas mendi ĉe la moskva libroeldonejo *Impeto* <retumanto@gmail.com>. Tamen temas pri forpasinta persono kaj pro tio mi havas moralan devon prezenti biografion de la profesoro.

Detlev Blanke naskiĝis la 30-an de majo 1941 en la urbo Neumünster. En 1958 la ĵus 17-jariĝinta Detlev Blanke verkas sian unuan prilingvan tekston por taggazeto en la norda regiono de GDR. Kvar jarojn poste, la GDR-a junulara revuo *Neues Leben* publikigas tradukon de la tiama 21-jarulo: la germanan version de originala Esperanta rakonto de la hungara verkisto Julio Baghy. Tio konsistigis la komencon de ĝis nun 58 jaroj da longa fruktodona kaj senlaca verkado. De jaro al jaro kreskis lia engaĝiĝo kadre de E-aktivecoj en GDR kaj en la mondo. Libroj, revuoj kaj bultenoj, artikoloj, recenzoj, tradukoj, polemikaĵoj, satiraĵoj, eĉ radioscenaĵo – tio nun restas kiel labora kaj krea bagaĝo.



Tiam, en la postmilita epoko, la organizita E-movado en GDR ne estis ebla. Nur en 1965 la esperantista movado sukcesis organiziĝi en Germana Kulturligo (poste Kulturligo de GDR). Post kiam en 1965-68 Detlev kunrekonstruis la E-movadeton en norda regiono (distrikto Rostock), li estis elektita kiel sekciestro por la Centra Oficejo de Kulturligo en Berlin kaj la sekretario de (unue) "Centra Laborrondo Esperanto en Germana Kulturligo" kaj (ekde 1981) "Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR". En 1969-90 Detlev redaktis *der esperantist* kaj la jarajn GDR-eldonojn de *Paco* 1970-89. Estante sekretario de GDREA li estis la sola persono, kiu sukcesis partopreni ĉiujn 22 konsultiĝojn de E-organizaĵoj de socialismaj landoj, de 1969 ĝis 1989.

D.Blanke estis membro de la Internacia Komitato de Mondpaca Esperantista Movado (MEM) en 1975-94 kaj de la Komitato de UEA en 1978-98. Post la unuiĝo de E-Asocio de GDR kun Germana E-Asocio Detlev daŭrigis la fakan agadon jam kiel membro de estraro de Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo (CED), en 1991 li fondis la germanlingvan sciencan Societon pri Interlingvistiko. D.Blanke estis membro de la redaktaj komitatoj de la revuoj *Language Problems & Language*

*Planning* (LPLP) kaj *Esperanto Studies – Esperantologio* (ESE).

Detlev Blanke interesiĝis pri laborista movado de esperantistoj en Eŭropo kaj en Sovetio. Ĝuste per la esploroj pri la laborista movado (temas pri: *La Internacio de Proleta Esperantistaro (IPE)* kaj *Pri la kontribuo de la laborista esperantistoj por la evoluo de la germana-soveta amikeco en la tempo de la Respubliko Weimar*) li kontribuis por fama kolekto da artikoloj *Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado* (1-a eld. 1978, 2-a eld. 1986). Krom la menciita artikolaro Dtelev Blanke redaktis multajn aliajn esplorojn: *Esperanto: lingvo – movado – instruado* (red.), 1977, 187 p.; *Esperanto. La internacia lingvo – sciencaj aspektoj* (red.), 1979, 237 p.; *Por aktiva lingvopolitiko,* 1999, 71 p.; *Esperanto kaj kulturo – sociaj kaj lingvaj aspektoj* (red.), 2001, 50 p.; *Interlingvistiko kaj esperantologio: vojoj al la faka literaturo,* 2003, 40 p.; *Lingvaj kaj historiaj analizoj* (red.), 2007, 92 p.; *Planlingvaj bibliotekoj kaj novaj teknologioj* (red.), 2009, 83 p.

Certe la supre prezentita listo estas ekzempla. Laŭ siaj propraj kalkuloj, Detlev Blanke verkis preskaŭ 1900 publikigitajn kontribuaĵojn de plej varia amplekso. El tiuj, 1284 troviĝas kiel listeroj en *Bibliografio* redaktita de Ulrich Becker (2011). Temas pri *Interlingvistiko kaj Esperantologio. Bibliografio de publikaĵoj de Detlev Blanke*.

La *Bibliografio* certe respegulas liajn laborkapablojn, sed ne informas pri personaj kontaktoj de Detlev Blanke kun eminentaj veteranaj esperantistoj de la E-movado. La listo de tiuj E-veteranoj estas longa: Otto Bäßler, Rudi Graetz, Ludwig Schödl, Werner Habicht, Paul Köstner, Werner Plate, Robert Stoll, Ino Kolbe, Ernst Diedrich, Nikola Aleksiev, Béla Berceli, Semjon Podkaminer, Bill Keable, Grigorij Demidjuk k.c.

En 1982 Detlev intervjuis Demidjuk-on. La intervjuon Anatolo Gonĉarov kaj Detlev Blanke registris sonbende. En 2007, tute neatendite, la kunredaktisto de *La Gazeto* Madeleine De Zilah petis Detlev-on disponigi al ŝi la sonbendon por eventuala aperigo en *La Gazeto*. Certe akustike ne ĉio estis klare perceptebla el la intervjuo, ja pasis 25 jaroj, kelkaj detaloj estis forgesitaj. Trarigardi la skriban version de la intervjuo Detlev petis min. Rezulte aperis informoriĉa ilustrita artikolo kun fotoj de Demidjuk tra la jaroj kaj liaj samtempuloj (v. *La Gazeto*, 2007, № 133, p.15-31: *Agi por Esperanto – sukcese kaj tragike. Intervjuo kun Grigorij Demidjuk pri lia aktivado en kaj por SEU*).

Bedaŭrinde, la morto ĉesigis niajn kontaktojn, sed la cerbo ne povas paciĝi kun la fakto. Ni kondolencas al la parencoj kaj kolegoj de Detlev Blanke.

***Anatolo Sidorov (Sankt-Peterburg)***

## NOVAJ HONORAJ MEMBROJ DE UEA

**Vilmos BENCZIK** (Hungario) naskiĝis en 1945. Profesie li estis profesoro en altlerneja fakultato de la universitato ELTE en Budapeŝto. Li lernis E-on en 1959, aliĝis al UEA en 1966 kaj iĝis dumviva membro en 1977. Li estis komitatano de TEJO en 1964-1968 kaj estrarano de Hungara E-Asocio en 1965-1967 kaj 1978-1992. Li redaktis la revuon *Hungara Vivo* en 1977-1990 kaj de 1976 ĝis 1990 gvidis la eldonejon de HEA, ĉe kiu aperis 138 libroj en/pri E-o en la suma kvanto 368 mil ekz. Li estis LKK-ano de la 68-a UK en Budapeŝto en 1983, komitatano de UEA en 1980-1986 kaj prezidanto de la Belartaj Konkursoj de UEA en 1986-2002. Li verkis recenzojn por multaj revuoj, parte kolektitajn en *Studoj pri la Esperanta literaturo* (1980), kaj abunde artikolis kaj tradukis. Li redaktis i.a. *Libro de romanoj* (1979), *Ŝercoj, rakontoj* (1972, 2-a eld. 1974), *25 jaroj: antologio de Belartaj Konkursoj* (kun W.Auld; 1977), *La kato en la sako* (legolibro; 1978), *Baza literatura krestomatio* (1979, 3-a eld. 1986), *Hungara antologio* (1983), *Mi vizitis mian farmon* (antologio de E-literaturo en la hungara kaj E-o; 1987) kaj *Lingva arto* (jubilea libro por W.Auld kaj M.Boulton; 1999). Ekde 2001 Benczik estas membro de la Akademio de Esperanto.

**Petr CHRDLE** (Ĉeĥio) naskiĝis en 1946. Li diplomiĝis kiel elektroteknika inĝeniero kaj doktoriĝis ĉe Instituto pri Elektroniko kaj Radiotekniko de la Ĉeĥoslovaka Akademio de la Sciencoj. Chrdle estis estrarano de Ĉeĥa E-Asocio en 1987-2011, i.a. prezidanto en 1987-1993, kaj fariĝis ĝia honora membro en 2008. Rajtigita ekzamenanto de UEA/ILEI, li verkis kun sia edzino Stanislava (1954-2000) la lernolibrojn *Esperantem za tři měsíce* ("Per E-o dum tri monatoj"; 1995, 3-a eld. 2006) kaj *Esperanto od A do Z* ("E-o de A ĝis Z"; 2016). Li verkis *Profesia uzo de Esperanto kaj ĝiaj specifaj trajtoj* (1995; 3-a eld. 2013) kaj redaktis i.a. la prelegarojn *La stato kaj estonteco de la internacia lingvo Esperanto* (1995) kaj *Intimaj temoj en la Esperanto-beletro* (2005). Docento de AIS, li oficis kiel ĝia senata sekretario en 1990-1994. Li estis komitatano de UEA en 1987-2010 kaj estrarano pri faka kaj scienca agadoj en 1998-2001. En 1992 li fondis la kongresan kaj klerigan agentejon-eldonejon KAVA-PECH, sub kies ŝildo li fariĝis unu el la plej gravaj nuntempaj E-eldonistoj. Li eldonis pli ol 170 titolojn, i.a. tri en la Serio "Oriento-Okcidento", kaj eĉ pli grandan nombron por klientoj en- kaj eksterlande. Li organizis ankaŭ ses Konferencojn pri Apliko de Esperanto en Scienco kaj Tekniko (KAEST; 1998-2008).

**SO Gilsu** (Korea Resp.) naskiĝis en 1944. Li doktoriĝis en 1979 kaj ekde tiu jaro estis profesoro pri ekonomiko en la Universitato Sokyong en

Seulo. Li estis ankaŭ direktoro de la Korea Asocio pri Ekonomika Historio kaj prezidanto de la Instituto pri la Historio de Kogurjo. Li lernis E-on en 1966 kaj unue aktivis en la junulara movado, i.a. kiel prezidanto de Korea E-Junularo. Li estis sekciestro de ILEI en Koreio kaj vicprezidanto de Korea E-Asocio. En UEA li membriĝis en 1971 kaj estis komitatano kaj estrarano pri la azia agado kaj pri faka kaj scienca aplikado en 1989-1995. Kiel estrarano li redaktis la bultenon *Esperanto en Azio* en 1990-1993 kaj fondis la Komisionon pri Azia E-Movado en 1994. Li prelegis en la Internaciaj Kongresaj Universitatoj en Varno (1978), Braziljo (1981), Budapeŝto (1983), Varsovio (1987) kaj Seulo (1994). Krome, en la 79-a UK en Seulo li estis rektoro de IKU. So aŭtoris la lernolibrojn *Kursolibro de Esperanto* (7-a eld. 1982) kaj *Praktiko de Esperanto* (1976, 2-a eld. 1981). Li instruis E-on i.a. en pluraj koreaj universitatoj, en la Nord-Amerika Somera Kursaro en San-Francisko kaj en Aŭstralio. En lia traduko aperis en 1983 la libroj *La sindonema arbo* kaj *Mi serĉas mian perditan…* de Shel Silverstein.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LA KOMITATO DE UEA ELEKTIS EN GRANDA UNUANIMECO

La 42 komitatanoj dum la UK-kunsido krom la elekto de la komitataj reviziantoj (Ans Bakker-ten Hagen kun 39 voĉoj kaj Flory Witdoeckt kun 40 voĉoj) kaj la membroj de la Komisiono pri Statutoj de la Landaj kaj Fakaj Asocioj (Mireille Grosjean kun 38 voĉoj, Ulrich Lins kun 38 voĉoj kaj Brian Moon kun 41 voĉoj) okazigis ankaŭ balotoj por la estraraj oficoj.

Mark Fettes estis reelektita kiel Prezidanto (36 voĉoj por), Stefan MacGill kiel Vicprezidanto (39 voĉoj por) kaj Martin Schäffer kiel Ĝenerala Sekretario de UEA (35 voĉoj por).

Dum sia posta kunsido la Estraro de UEA decidis pri la laborkampoj de siaj membroj: **Mark Fettes** (Prezidanto): Strategio, Kunordigo, Statuta Reformo, Esploro kaj Dokumentado, Faka kaj Scienca Agado; **Stefan MacGill** (Vicprezidanto): Instruado, Jaro de la Lernanto, Meza Oriento kaj Norda Afriko, Rilatoj kun Membro-Organizoj kaj Ĝemelaj Urboj; **Martin Schäffer** (Ĝenerala Sekretario): Financoj, Administrado, Retejoj kaj Retlistoj, Ameriko; **Emilio Cid**: Informado, Amikoj de Esperanto kaj Zamenhof-Jaro; **Lee Jungkee**: Azio, Afriko kaj Esperanto-Centroj; **Sara Spanò**: Eksteraj Rilatoj, Aktivula Maturigo, Eŭropo, Terminologio, Kulturo kaj Kongresoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## UEA DIPLOMIS 14 ELSTARAJN AGANTOJN

En la Solena Fermo de la 101-a UK en Nitro oni anoncis la nomojn de 14 esperantistoj, kiujn la Estraro de UEA honoris per Diplomo pri Elstara

Agado aŭ per Diplomo pri Elstara Arta Agado:

- **Ĵomart Amzejev kaj Natalja (Nataŝa) Gerlach** (Svedio) pro longtempa kontribuado al la Esperanto-muziko;
- **Jean Codjo kaj Adjévi Adjé** (Kanado, Togolando) pro longdaŭra agado por Afrika Esperanto-Movado;
- **Ilia Sumilfia Dewi** (Indonezio) pro kontribuoj al la movado en Sud-Orienta Azio;
- **Ruth Kevess-Cohen** (Usono) pro granda kontribuo al la kreo kaj subtenado de la E-kurso ĉe Duolingo;
- **Tatjana Loskutova** (Rusio) pro instruado de Esperanto en aziaj landoj;
- **Márkus Gábor** (Hungario) pro kontribuoj al la Esperanto-literaturo kaj al la disvastigo de Esperanto en Azio;
- **Judith Meyer** (Germanio) pro kontribuoj al la diskonigo de Esperanto en Interreto;
- **Jorge Montanari** (Argentino) pro la iniciato kaj gvidado de la futbalteamo "Esperanto";
- **Wladimir Opoka** (Pollando) pro multjara kontribuado al la medicina agado kadre de UMEA;
- **Leopold Patek** (Aŭstrio) pro longtempa gvida rolo en la aŭstria movado kaj 25-jara ĉefdelegiteco de UEA;
- **Syôzi Keiko** (Japanio) pro longtempa gvida rolo en la japana Esperanto-Movado;
- **Ján Vajs** (Slovakio) pro fakaj kaj primovadaj verkoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## UEA AĈETIS LOĜEJON POR VOLONTULOJ

Sekve de Estrara decido el februaro 2016, UEA aĉetis loĝejon kun pluraj dormoĉambroj por volontuloj en Roterdamo. Ĝi situas en la sama strato kiel la Centra Oficejo, je proksimume 10 minutoj piedire.

La pliampleksiĝo de la Volontula Servo de UEA kaj TEJO jam komenciĝis. UEA jam bonvenigis la unuajn volontulojn elektitajn laŭ malferma alvoko en decembro 2015, dum TEJO sukcese petis subvenciojn de eŭropaj instancoj por gastigi pluroble pli da volontuloj ol pasintjare.

*La aĉeto de domo estas ankaŭ prudenta financa investo,* komentas Martin Schäffer, Ĝenerala Sekretario de UEA. *Per lupagoj UEA ricevos pli ol ĝi povus gajni per ordinara bankdepono. Tamen estas ankaŭ grave ke niaj membroj subtenu la Volontulan Domon per donacoj, ĉar tio helpos nin fari ĝin komforta kaj taŭga por la volontuloj kaj kovri la restadon de volontuloj el ekster Eŭropo, kiuj ne povas profiti de la samaj subvencioj kiel eŭropanoj.*

La Estraro de UEA tre dankas al la donacintoj, kiuj helpis por la aĉeto

per la sumo 7877,66 eŭroj. Por ricevi pliajn informojn bv. skribi al: <domo@co.uea.org>. Donacojn eblas fari al la kontoj de UEA. Vidu: <http://uea.org/alighoj/pagmanieroj>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## PREMIOJ DE FONDAĴO ANTONI GRABOWSKI

La Fondaĵo Antoni Grabowski (FAG) estis kreita en 1988 sur la bazo de grandanima donaco de Adam Goralski (1912-2005). Ĝia celo estas subteni la Esperantan kulturon per premioj kaj subvencioj. La ĵurio de FAG, kiu aljuĝas premiojn meze ĉiun duan aŭ trian jaron, konsistas el Ulrich Lins, Shi Chengtai kaj István Ertl. La administradon de la Fondaĵo prizorgas la Centra Oficejo de UEA.

En la Nitra UK estis anoncitaj la ĉi-jaraj premiitoj.

La unua premio (700 usonaj dolaroj) iras al Carlo Minnaja kaj Giorgio Silfer. Ili ricevas ĝin pro sia komuna verko *Historio de la Esperanta literaturo*. Tiun verkon, kiun Tazio Carlevaro en *Heroldo* nomis enciklopedio de la Esperanta kulturo, la ĵurio de FAG opinias impona, ne baldaŭ superota prezento de la originala beletro en Esperanto.

La duan premion (300 usonaj dolaroj) ricevas Hispana Esperanto-Federacio pro "Bitoteko", sia elektronika biblioteko, per kiu ekde 2013 elstaraj verkoj estas facile kaj senkoste alireblaj al la publiko – laste, okaze de la 400-a datreveno de la morto de Miguel Cervantes, *Donkiĥoto* en la traduko de Fernando de Diego.

Premio je 150 usonaj dolaroj estis donita al Jean Codjo, beninano loĝanta en Kanado. Li kontribuis al la Esperanta literaturo per rakontoj, kiuj atentinde riĉigas la interkulturan dialogon. La ĵurio per sia decido ankaŭ volas kuraĝigi lin, ke li plue levu sian voĉon inter la esprimantoj de nia originala beletro.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## FORPASIS REINHARD SELTEN (1930-2016)

La 23-an de aŭgusto Esperantujo perdis sian plej eminentan sciencistonper la forpaso de prof. d-ro Reinhard Selten, naskiĝinta la 5-an de oktobro 1930. En 1961 li doktoriĝis pri matematiko en la Goethe-Universitato de Frankfurto-ĉe-Majno, kie en 1968 li akiris docentan diplomon. En la studjaro 1967-1968 li estis gastprofesoro en la Universitato de Kalifornio en Berkeley. Li estis profesoro en la Libera Universitato de Berlino en 1969-1972, en la Universitato de Bielefeld en 1972-1984 kaj ekde 1984 en la Universitato de Bonn. De 2006 ĝis 2014 li gvidis esplorprojekton pri eksperimenta ekonomiko de la Nordrejna-Vestfalia Akademio de Sciencoj kaj Artoj. Dek unu universitatoj asignis al li honoran doktorecon.

En oktobro 1994 Selten fariĝis, kun du usonaj ekonomikistoj, laŭreato de la Nobel-premio pri ekonomiko pro sia elstara kontribuo al la ludoteorio. Krom pri ludoteorio, Selten faris pioniran esploradon pri eksperimenta ekonomiko kaj pri limigita racieco. En lia ampleksa scienca bibliografio, ĉefe en la germana kaj la angla, troviĝas ankaŭ la verko *Ĉu mi lernu Esperanton? Enkonduko en la teorion de lingvaj ludoj* (1982; 2-a eld. 1995), kunaŭtorita kun Jonathan Pool.

Pri sia esperantistiĝo Selten mem rakontis jene: "Mi komencis lerni Esperanton kiel 17-jarulo aŭtodidakte. Fakte, mi vidis kaj legetis Esperanto-libron jam pli frue en Breslau, kie mi vivis ĝis februaro 1945. Mia patro estis esperantisto, sufiĉe aktiva en la blindula Esperanto-movado. Tamen, la lingvon mi eklernis ne sub lia rekta instigo, nur sufiĉe longe post lia morto." En Frankfurto (ĉ. 1960) Selten ekzameniĝis kiel Esperanto-instruisto kaj estis vicprezidanto de la loka klubo. Li konatiĝis kun sia edzino pere de Esperanto kaj instruis la lingvon ankaŭ al sia pli juna frato. Li estis, same kiel la edzino, dumviva membro de UEA ekde 1969 kaj membris ankaŭ en Germana Esperanto-Asocio kaj Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino (AIS). En la 84-a UK en Berlino (1999) li estis rektoro de la Internacia Kongresa Universitato.



Sub la redaktoreco de Selten aperis la diverslingve eldonita studkolekto *La kostoj de la eŭropa lingva (ne)komunikado* en 1997. Kun Helmar Frank li publikigis la libron *Für Zweisprachigkeit in Europa; Por dulingveco en Eŭropo* (2005). En la Eŭropa Parlamento Selten pledis por Esperanto kiel invitita parolanto la 9-an de majo 2007, okaze de la 50-jariĝo de la Roma Traktato. En la eŭropaj elektoj en 2009 li estis la ĉefkandidato de la germana sekcio de la partio Eŭropo-Demokratio-Esperanto.

En la 80-a UK en Tampereo en 1995 Reinhard Selten estis elektita kiel membro de la Honora Patrona Komitato de UEA.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

Ludmila NOVIKOVA

# “KAJ REE LA TAŬRIDAJ ONDOJ...” [1]

***Plenita de l’ kaŝita sent’***
***Mi venos al ĉemaraj montoj, –***
***Kaj ree la taŭridaj ondoj***
***Gojigos min en ĉi moment’...***
***A.Puŝkin***

Post kiam mi eksciis pri la planataj Krimeaj Esperanto-tagoj en julio 2016, mi tuje firme decidis, ke mi nepre partoprenu la aranĝon. Estis kelkaj kialoj: unue, mi lastfoje vizitis Krimeon en la okdekaj jaroj de la pasinta jarcento kaj aspiris novan renkontiĝon kun tiu ĉi paradizo; due, mi tutanime strebis subteni la krimeajn esperantistojn kaj persone la gloran Jefimon Zajdman; trie, mi propraokule kaj propraorele deziris esplori la nunan situacion en Krimeo post la famaj eventoj de la jaro 2014. Estis ankaŭ la kvara, romantikeca, intenco: mi planis vidi lokojn, kie lasis siajn spiritajn spurojn miaj ŝatataj rusaj poetoj, kies poemojn mi iam tradukis al Esperanto. Pro tio mi venis al Krimeo je kelkaj tagoj pli frue antaŭ la komenco de KET. Mi ne skribu ĉi tie pri la aranĝo mem. Mi deziras nun transdoni miajn personajn impresojn pri la vojaĝo, ligitajn kun miaj literaturaj interesoj. Do, mi sekvu la spurojn de miaj gloraj samlandanoj.

## «Fabela land’, rigarda beno!» [2]

Certe, la unua mia «ĉiĉerono» en Krimeo estis nia nacia «ĉio» – Aleksandro Puŝkin. Flugante per aviadilo «Moskvo – Simferopolo» mi ripetadis liajn versojn: «Ho, ĉu mi baldaŭ vidos vin / Serenaj bordoj de Salgiro?». Estis malgranda maltrankviliĝo: ĉu la rivero Salgiro ne forsekiĝis dum la

[1] El la poemo de A.Puŝkin «La Baĥĉisaraja fontano» (traduko de L.Novikova)
[2] Samfonte

pasintaj preskaŭ ducent jaroj? Sed kiam mi estis veturanta per trolebuso el Simferopolo al Jalto, mi kun ĝojo rimarkis vojmontrilon kun la sorĉa vorto «Salgiro». Feliĉe la ligo de la tempoj ne estis rompita, same kiel ne estis velkintaj belegaj pejzaĝoj, kiujn prikantis la juna Puŝkin, vizitinta Krimeon en 1820 dum sia suda ekzilo:





**Fabela land'! Rigarda beno!**
**Vivecaj holmoj kaj arbar',**
**De la vinberoj sukrubeno,**
**Alloga bel' de vala klar',**
**Tepid' de rojo kaj karpeno...**
**Ĉio dum vojo logas min,**
**Kiam en hor' matenkonkorda**
**En montoj, laŭ la voj' ĉeborda**
**Min portas kure ĉevalin'**
**Kaj la verdeca vasta maro**
**Briladas, bruas ĉe bordlim',**
**Ĉe klif' de Aju-Dag'-rokaro.**

*Mi ekvidis la naturon de Krimeo per la rigardoj de la poetoj*

## «Fontan' de amo kaj malgaj'...» [1]



La plej alloga en Krimeo por mi estis Baĥĉisarajo kun ties antikva Palaco de ĥanoj, kaj mi unuavice vizitis tiun ĉi legendan lokon. El la duonlumo de la orientece ornamitaj salonoj de la palaco mi vidis misterajn ombrojn jen de ĥano, jen de liaj edzinoj kaj haremaninoj, jen de la juna Puŝkin ĉe la Fontano de larmoj, al kiu li alportis du rozojn en septembro de 1820. Tiuj poreterne freŝaj rozoj post tiam ne malaperas de sur la fontana breto. Post kelkaj jaroj li versesprimis siajn impresojn pri tiu ĉi vizito en siaj romantikaj poemoj «Baĥĉisaraja fontano» kaj «Al la Fontano de la Baĥĉisaraja Palaco».

[1] El la poemo de A.Puŝkin «Al la fontano de la Baĥĉisaraja Palaco» (trad. de L.Novikova)

**Fontan' de amo kaj malgaj'!**
**Alportis mi du rozojn ĉarmajn.**
**Mi ŝatas vian lirlon kaj**
**Poeziecajn viajn larmojn.**

**De via akvopolv' arĝent'**
**Aspergas min per ros' tepida:**
**Aĥ, fluu, fluu, rojo frida!**
**Al mi murmuru pri l' sekret'…**

**Fontan' de am', fontano trista!**
**Sur la marmoro legis mi**
**Laŭdvortojn pri la lando dista;**
**Sed pri Mari' silentis vi...**



*La Fontano de larmoj en la Baĥĉisaraja Palaco*

**Lumilo pala de l' haremo!**
**Ĉu trafis ĉie vin forges'?**
**Aŭ ĉu Mario kaj Zaremo**
**Ekzistas nur en reva mens'?**

**Ĉu nure en la sonĝ' imaga**
**Aperis vi el malreal'**
**Kiel vizio nebulsvaga,**
**De la animo ideal'?** [1]

## «Ne en Krimeo de Puŝkin'...»

Jen mi rimarkis en la palaco svagan figuron en uniformo de kozaka oficiro de la Rusa cara armeo – tio serĉis en la palaco «iun en iamo» alia mia ŝatata poeto Nikolaj Turoverov, kiu antaŭ preskaŭ cent jaroj, en 1920, ankaŭ vizitis la palacon en la tragikaj cirkonstancoj, kiam li pro la enlanda milito devis por ĉiam rifuĝi el Rusio (legu pri lia sorto kaj poezia heredaĵo mian artikolon «La bard' el lando de pereo...» en REGo № 3 (90), 2015, p. 13-22). Li verkis poste unu el la plej korskuaj siaj poemoj pri tiu adiaŭa vizito al la loko, markita de la genio de Puŝkin kaj jam pro tio kara por ĉiu ruso. Li same kiel mi vidis ombrojn kaj de Puŝkin, kaj de la orienta belulino Zaremo el la poemo «Baĥĉisaraja fontano».

***Fontan' de amo kaj malgaj',***
***Alportis mi du rozojn ĉarmajn...***
***Puŝkin***

[1] La poemo «Al la Fontano de la Baĥĉisaraja Palaco» (trad. de L.Novikova)



**En flamo de l' milita fin'**
**Eskapis ni el la bataloj.**
**Ne en Krimeo de Puŝkin'**
**Galopis niaj virĉevaloj.**
**Rapidis la taĉmento, kaj**
**El lasta nia dorm' bivaka**
**Irantis el Baĥĉisaraj'**
**La lasta rajdpatrol' kozaka.**



**Al sud', al sud'! Fiaska fin'!**
**Sed en la lasta jam momento**
**Mi la palacon en ruin'**
**Vizitis kun kortrema sento.**
**Salonoj estis en malplen',**
**Briletis pale or-ornamo.**
**Versaĵojn citis mi kun pen',**
**Serĉadis iun en iamo.**
**Malpacience servsoldat'**
**Ĉevalojn tenis ĉe l' haremo.**
**Ho, kiam kaj en kiu land'**
**Mi reve sonĝos vin, Zaremo?**
**Adiaŭ, fridalarma font', –**
**Brulvundis min alia larmo, –**
**Kaj ne okazis roz-alport'**
**Far mi al forlasata ĉarmo.**[1]

## «Ĉe la ruin' de Ĉufut-Kale...»

Post la Baĥĉisaraja palaco nia grupo grimpis al la apuda mezepoka «kaverna urbo» Ĉufut-Kale, pli ĝuste – al ĝiaj restaĵoj sur rokoj. Por mi denove estis aparta intereso – mi deziris trovi tie la surskribon de Nikolaj Turoverov...



**Ni iris tra la polva ban'**
**Sur ard-argilo de Krimeo.**
**Baĥĉisarajo, kiel ĥan',**
**Dormetis en montar-kombeo.**
**Kaj mi sur roko de l' kanjon'**
**Ĉe la ruin' de *Ĉufut-kale***
**Surgratis pene per krajon':**
**"L' dudeka jar'. Rusio, *vale*[1]!"**[2]

[1] La poemo de N.Turoverov «En flamo de milita fin'...» (trad. de L.Novikova)

... kiun li lasis tie en la jaro 1920. Bedaŭrinde, mi ne trovis ĝin, sed la impresoj post la grimpado kaj observo de la imponaj vidindaĵoj de sur la montopinto restis en la memoro por ĉiam.

## «Jen ŝi estas, mia Zulfija!» [3]

Mi ankaŭ serĉis en Baĥĉisarajo orientan belulinon – ne Zaremon, sed junulinon kun nomo Zulfija, kiun mi iam elpensis en mia samnoma kanto, kiun mi verkis en Esperanto antaŭ multaj jaroj. Mi imagis plenumon de la kanto kune kun danco de Zulfija. Sed, ve! Pasis jaro post jaro, sed mi nenie trovis la belulinon, similan al mia fantaziaĵo, kaj la kanto neniam estis plenumita. Mi decidis, ke Zulfija nepre estu trovita en Baĥĉisarajo, en tiu ĉi fabela loko. Kaj mi trovis ŝin tie!!! Jen kiel ŝi aspektis, mia elrevita Zulfija. Fakte, ŝia nomo estas Saida, ŝi neniel ligitas al Esperanto kaj venis el Ĉeljabinsk al Baĥĉisarajo la unuan fojon por konatiĝi kun ties famaĵoj. Sed ĉu tio gravas? Gravas tio, ke mi finfine ekvidis ŝin! Ravita, mi tute forgesis preni telefonnumeron aŭ elektronikan adreson de la junulino. Sed ĉu la revo povas havi elektronikan adreson? Tamen, ĉeljabinskaj samideanoj, eble vi trovos ŝin en ĈGU (jura fakultato) kaj ŝi iĝos vera Zulfija? Ja la kanto ĝis nun ne estas plenumita!



**La okuloj nigraj,**
**Ĝis tali' harligoj –**
**Jen ŝi estas mia Zulfija!**
**La lunserpaj brovoj,**
**Graciplenaj movoj –**
**Jen ŝi estas mia Zulfija!**

**Ho, pro via belo,**
**Danca karuselo**
**Flagras mia koro, Zulfija!**
**Ardas mia koro**
**Pro admir-adoro.**
**Dancu, dancu, mia Zulfija!**

Jam pasis la somero, kaj ĉesis miaj fabelaj tagoj en Krimeo, miaj spiritaj renkontiĝoj kun la kristalpuraj fontoj de la rusa poezio. Ili ne pasis senspure por mia animo: subite mi reakiris kapablon versi originale, kio ne okazadis dum pluraj jaroj. Kaj ne gravas, ke la formo de mia lasta lirikaĵo estas japana (tankao, vidu ĝin en la tria kovrilpaĝo), la enhavo ja estas rusa aŭ probable home universala – ja mi estas esperantistino!

*Fotoj de la aŭtoro*

---

[1] *Vale* (latine) – adiaŭ
[2] El la poemo de N.Turoverov «Krimeo» (trad. de L.Novikova).
[3] El la originala kanto de L.Novikova «Zulfija»

# *Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)*

## En ekspozicio de bildoj de I.K.Ajvazovskij

1.
Maro tenera, trankviligema
Vokas per kanto de l' ondoj al for'.
Mar' ne minaca, ne riskoprema
Brilas je l' vasta potenca favor'.

Maro kolera, mar' kolerega
Monstras je l' akvaj montegoj
kaj muĝ',
Je la rabia kaj vivorega
Akvokirliĝ' – jen la plej lasta juĝ'.

Spiras je l' sorĉa vivmalavaro
Statoj de l' maro, la bolo kaj mild'.
La geniulo kreskis ĉe maro,
Kiun diigas li per sia bild'.

Luna rebrilo maron karesas
Kvazaŭ ridete sur ĝia vizaĝ'.
Brula ĉagreno velkas kaj ĉesas
Antaŭ majesto de l' granda pejzaĝ'.

Lum' kaj tenebro. Ŝip' dum batalo.
Maraj vastaĵoj en kalmo kaj ŝtorm'.
Tim' en adoro. Sonĝ' en realo.
Maro en sia hipnota enorm'.

2.
Akvo, akvo ĝis horizonto,
Ĉiuflanken, al fora for'.
Senripoze, ondo post ondo,
Fluas tempoj tra jar' kaj hor'.

En kolor' kaj ĝiaj nuancoj
Spiras rave l' potenca ĉast'.
Je lumeraj ludoj kaj dancoj
Ĝojas vivo de l' mara vast'.

Nuboj, fulmoj. Trompa sinkaŝo
De danĝer' je l' minacpersist'.
Vivu bordo, malprofundaĵo
Kaj tempesto por la marist'![1]

Sonas vive ondaj rumoroj
En la dolĉe flugiga sent'.
Mar' da akvo, mar' da koloroj,
Mar' da granda, dia talent'.

## La Olimpikoj en Rio-de-Ĵanejro

1.
L' Olimpikoj revenis bonsorte –
Vivu ties tutmonda valor'!
Pli rapide, pli alten, pli forte,
Al la venko, medal kaj honor'!

2.
Finiĝas brul' de l' Olimpikoj –
De venkaj himnoj kaj jubil',
De larmaj malsukcesefikoj
Sur konkurejoj de Brazil'.

[1] Preĝo de la maristo: "Пошли мне берег, чтобы оттолкнуться, мель, чтобы сняться, шквал, чтобы устоять!" (Sendu al mi bordon por forpuŝiĝi, malprofundaĵon por demoviĝi, skualon por elteni.)

Trejniĝad' ne laseblas dum jaroj,
Streĉoj hardas per venkemoci',
Ne haltigas problemoj kaj baroj
De traŭmato kaj operaci'.

Venko de olimpikĉampiono
Ne tuj klaras por lia kompren':
Ĝin vualas la venkoimpono
Dum la konsumiteca malplen'.

Se dopilojn sportistoj ne uzis
Laŭ la senantaŭjuĝa konstat',
Kiu, kial al ili rifuzis
Partoprenon en l' Olimpiad'?!

Spite al trukoj de politikoj
Sport' allogu je l' venkomagi',
Kaj neniam plu la Olimpikoj
Servu por malhonesta orgi'!

Malicas politikaj ventoj,
Embuskas erariga saĝ',
Sed imageblas bol' de sentoj
Dum his' de l' sialanda flag'.

Sin trejnis iuj en doloro,
Tra ĝia senkompata prem',
Kaj bronzo fakte estas oro
Por ies penoj kaj venkem'.

La kapon suben, ĉampiono,
Por trejniĝad' ekde komenc'.
Ne gravas plu la venkokrono,
Denove – streĉ' kaj pacienc'.

Kuraĝo, celkonsci', volforto
Ne lasu ĝis la venka fin':
Kruela estas viv' en sporto,
Sed io vokas vivi ĝin.

---

# ***Manĝado de akvomelonoj – speciala programero dum MER:***



*Ludmila Novikova*

# AŬTUNO




***Ho, kiel estas bele!***

***Ho, kiel estas triste!***

